

# Boletín

nº 395 julio - septembro 2011



«Jorge kun Kimo, dum ?i ties vizito en Madrido»

*Asociación de utilidad pública*

FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio

Aperanta de 1949

Numero 395

**Redakto-skipo**

Direktado kaj kompostado: Juanjo Vera

Revizio: Miguel Hernández, Jesus García Cano kaj Alejandro Pareja.

Retadreso de la bulteno: bulteno@esperanto.es



**Hispana Esperanto Federacio**
***Federación Española de Esperanto***

Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7
ES-28015 Madrid
admin@esperanto.es
Konto en BBVA: 0182-1252-31-0204011961

Tel (34) 914 468 079 (bv. lasu mesaĝon en la aŭtomata respondilo).
Poŝtelefono: 634 406 695 (nur lunde-vendrede inter 16:00 - 20:00).



Presejo: Gráficas Aurora, Zaragoza

DL-Z-334-90

*"Ĝemu kaj ploru,*
*sed ĝis la fino laboru"*

# Salutvorto

*Kun entuziasmo*

*Mia reveno en la HEF-arenon okazis iom neatendite.*

*Estas konate ke mia preferata tereno de agado estas la sfero de verkado, sed mi devas konfesi ke, sen la ekzisto de HEF, jes HEF, Liven Dek kaj Svena Dun tute ne ekzistus. Mi ne povas klarigi al vi en malmultaj linioj, kial, sen la ekzisto de HEF, "Esperanto, curso del idioma internacional" kaj la vortaro "Amika" neniam estus aperintaj. Sed ĉu vi povas imagi la nunan staton de Esperanto en ĉiuj hispanlingvaj landoj sen tiuj du libroj?*

*La nunaj tempoj riĉigis nian mondon per novaj rimedoj kapablaj helpi nin en nia agado, sed, oni ne devas miskompreni la fakton ke, ili estas nuraj iloj, kiuj bezonas stabilajn strukturojn kaj la necesan "fuelon", t.e. pozitivan energion por subteni ĝin.*

*La ekzisto de HEF, nia esperanto-hejmo, donas solidan bazon al la hispana esperanto-movado. Ĝi estas nemalhavebla ilo, kiun ni devas teni en bona ordo, ĉar... kiu fidus profesiulon kiu ne flegas siajn ilojn?*

***Miguel Gutiérrez Adúriz***
***(Vicprezidanto)***

# E N K O N D U K O



★ ***Partoprenu rete en la agado de HEF, kaj en la debatado pri ties estonto. Aliĝu al la reta forumo de la HEF-anaro:*** http://es.groups.yahoo.com/group/hef-anaro

★ ***Ĉu vi volas sendi viajn artikolojn, fotojn, novaĵojn, ktp pri via esperanta asocio aŭ grupo? Vi povas sendi rekte al la retadreso de "Boletín". Por la venonta numero, la 396a, la limdato estas la 15a de decembro de 2011!*** ***Ni atendas viajn kunlaborojn!***




Foto de la kovrilo / fotografía de la portada:
**Lucía Herrero**
www.luciaherrero.com

KantEA
havas jam, je dispono de ĉiu interesito, kristnaskan loterion. **43.377** estas la numero.

# ALILAN-DANOJ KUN DANOJ

Preskaŭ 1500 gekongresanoj el 66 landoj el la kvin kontinentoj partoprenis, de la 23ª ĝis la 30ª de julio, la 96ª Universalan Kongreson de Esperanto en la ĉefurbo de Danio: Kopenhago.

La kongresejo estis la moderna kongrespalaco Bella Center, situanta iom for de la centro de la urbo, kaj kie okazas la plej gravaj kunvenoj kaj kunsidoj kiel tiu de la Internacia Konferenco pri la Klimatŝanĝo, kun ĉeesto de altrangaj politikistoj kiel la Prezidanto de Usono Sro Obama. La plej granda parto de la gekongresanoj loĝis, ĉu en la hotelo Bella Sky, kun rekta aliro al la kongresejo aŭ en proksimaj hoteloj je piedira distanco de la kongresejo.

Sabate, 23an de julio estis tago de kisoj, ĉirkaŭbrakoj kaj renkontiĝoj kun samideanoj kaj amikoj de pasintaj esperantaj eventoj, oni ricevis la dokumentaron kaj vespere okazis la Movada Foiro, en la granda centra halo, kie multaj asocioj ĉu fakaj ĉu naciaj metis siajn budojn por informi, pri iliaj aktivaĵoj.

Dimanĉe matene okazis la Solena Inaŭguro, en salono Zamenhof, prezidate de S-ro Probal Dasgupta, Prezidanto de UEA, kiu en la komenco, antaŭ ol prezenti la podianojn, petis gardi unuminutan silenton, pro la grava terorisma atako en Oslo, kiu estis gardata kun la tuta ĉeestantaro staranta.

S-ro Stefano Keller legis la salutmesaĝon de S-ino Irina Bukova, Ĝenerala Direktoro de Unesko, en kiu ŝi agnoskas ke "Unesko, same ol Esperanto, estas konvinkita ke multlingveco iĝis esenca por konservi la mirindan diversecon kiu karakterizas la homaron, precipe en la nuna epoko de ĉiam kreskanta tutmondiĝo".

Sekvis la saluto de reprezentantino de Unuiĝintaj Nacioj pri loĝantaro, en Kopenhago, s-ino Pernille Fenger, kiu traktis en sia parolado la agadon por la Jarmilaj Evoluigaj Celoj de UN aparte koncerne junularon. Tradukon legis poste S-ino Ileana Schrøder, prezidanto de LKK, kiu sekve salutis nome de la organiza komitato.

La inaŭguro daŭrigis per legado de mesaĝoj de L.L. Zaleski-Zamenhof kaj de la urbestro de Herzberg, la "Esperanta urbo". Junulara grupo ludis muzikon dum paŭzo.

S-ro Probal Dasgupta, bonvenigis la ĉeestantaron kaj emfazis i.a. ke "la gastamo estas la fundamento de la esperanta movado" .La 96-a UK estas dediĉita al la Internacia Jaro de Junularo, kies temo "Dialogo kaj interkompreno" estis ankaŭ la kongresa temo, kies reĝisoro estis la ĉilia samideano Jose Antonio Vergara.



*Ŝino Schrøder, Prezidanto de LKK bonvenigante la gekongresanojn dum la malfermo* ***(foto R. Urueña)***

Poste, la reprezentanto de TEJO kaj la Prezidanto de ILEI salutis, ĉi lasta informante pri la ILEI Konferenco, sukcese

okazinta pasintsemajne.

Venis la momento de unu el la plej ŝatataj programeroj dum la Inaŭguro, nome, la salutoj de la reprezentantoj de la diversaj landaj asocioj, komencante per la reprezentanto de Angolo-Portugalio, Miguel Faria de Bastos kaj finante per la reprezentanto de Vietnamio, kiu profitis la okazon por inviti nin al la venontjara U.K okazonta en Hanoi.



*Prof. Dasgupta, Prezidanto de UEA alparolas la publikon* ***(foto R. Urueña)***

Por Hispanio salutis, per trafaj vortoj, S-ro Pedro Garrote, inter multaj aliaj, inter kiuj ni elstaras la saluton de la reprezentanto de Irlando kaj prezidanto de EEU S-ro Sean O´Rian, kiu kaptis la okazon por inviti al la EEU kongreso, okazonta venontjare en tiu lando.

Per kantado de la Himno "La Espero", kun ĉiuj gekongresanoj starantaj, finiĝis la ceremonio.

Dum sufiĉa nombro da kongresanoj piediris "farandole" tra la stratoj de Kopenhago, portante blankan rubandon kun la nomo de sia denaska lingvo, en la dana, aliaj partoprenis en la diversaj programeroj okazantaj en la kongresejo. Inter la partoprenantoj en la farandola marŝado estis nia amiko Pedro Garrote.

Niaflanke, ni estis en salono Neengard, aŭskultante prelegon pri la fama dana rakontisto H.C. Andersen, la unua, ene de la serio de prelegoj pri la dana kulturo.

La tago finiĝis per la Nacia Arta Vespero, okazinta en la teatro de la amuzparko Tivoli, al kiu la plej granda parto de la kongresanoj translokiĝis, malgraŭ la ventega kaj fortpluva vespero, per urba buso aŭ metro.



*S-ro Pedro Garrote* ***(foto R. Urueña)***

Tiu ĉi Arta Vespero estis bela, amuza kaj buntkolora, danke al la vestaĵoj de la Gronlanda koruso "Aavaat", kiu kantis diversajn komponaĵojn, kaj de la pantomima teatro de Tivoli, kiu prezentis diversajn baledojn kiuj ege plaĉis la ĉeestantaron.

Kiel jam fariĝis tradicie en la U K, la lundo estis dediĉita al la tiel nomata "Kleriga Lundo" en kiu, divershore kaj en pluraj salonoj estis prezentataj, fare de spertuloj interesaj kaj allogaj temoj.

Inter la diversaj proponoj, ni elektis, por la unua periodo, kunsidon titolita "Enkonduko al UN kaj la UN-familio" kie D-ro H. Tonkin kaj S-ro Keller parolis pri la agado kiun UEA rolas en la diversaj oficejoj de UN.

D-ro Tonkin prezentis la historion de UN kaj ĝiajn organojn, kaj la rolon de UEA ene de tiu skemo kiel neregistara organizo. S-ro Keller parolis pri la laboro de UEA pere de la Konsilio pri Homaj Rajtoj, dependanta de la Ĝenerala Asembleo de UN, kie ili laboras por Esperanto.

Poste ni disiris kaj iris al du malsamaj kunsidoj, unu pri Internaciaj prokejtoj kaj

subvencieblecoj kaj la alia, al Kunsido gvidata de Paul Gubbins kaj kies temo, certe interesa, estis pri “Kiel verki por la verda gazetaro”.

La 27-an, mardo, ni ĉeestis la programeron Estraro respondas, kie sur la podio sidis la tuta UEA estraro, prezidate de la Prezidanto. Post sin prezento de ĉiu estrarano, ili respondis la diversajn demandojn de la ĉeestanta publiko.

Tagmeze,mi estis, bedaŭrinde kun malmultenombra publiko, en koncerto de Solotronik, kaj vespere Luis estis en kunsido pri UN kaj Unesko kaj mi prezidis la kunsidon pri la Esperanta Jura Asocio, kie mi disdonis la Revuon “Jura Tribuno Internacia” redaktita de José Mª Rodriguez, el Kordobo.




*Dro Tonkin prelegante pri UN*

Agrable estis la akcepto de la Vicurbestrino de Kopenhago, en la ĉefsalono de la urbodomo, kie post bonveniga parolado en angla lingvo, kiu kaúzis proteston de iuj el la ĉeestantoj, ni estis invitataj gustumi tipan danan dolĉaĵon.

Jaŭde, Luis partoprenis la programon “Centra oficejo respondas” kaj mi iris al tiu pri Eŭropa Esperanto-Unio, kie oni raportis pri la jara agado kaj parolis pri diversaj planoj, kiel la vortoj en esperanto por apliki al la Himno de Eŭropo, laŭ la traduko de Umberto Brocatelli.

Aliflalke, kiel ĉiujare, ni ,kiel membroj de la Societo Zamenhof, estis invitataj al akcepto okazinta en la 23-a etaĝo de Hotelo Bella Sky.

Tie la etoso estis tre amika, kaj ni ĉiuj ĝuis la vidaĵon de la urbo Kopenhago, ekde la ampleksaj vitraĵoj de tiu alta etaĝo.

Vendrede ni estis en koncerto de la Internacia Koruso, kie ankaŭ gitarludis kaj kantis la kuba esperantisto Julián Hernández. Tiun saman tagon, ni estis en plenplenega salono por aŭskulti kaj vidi raporton kaj filmon pri la venontjara Universala Kongreso en Hanojo.





*Dino Urueña kaj sino Nikolaieva dum kunsido de EJA* ***(foto L. Hdez)***

Sabate estis la ferma tago, kaj pro tio la lastaj momentoj de la kongreso. Kun ne granda nombro de kongresanoj, multaj jam foriris, oni informis pri la kongresaj aranĝoj, pri la elekto de Islando kiel kongresurbo por 2013, kaj pri la diversaj premioj kaj agnoskoj, inter ili estis la hispanoj Jorge Camacho, kiu gajnis la unuan kaj trian premion en poezia branĉo, kaj Augusto Casquero, kiu ricevis honormencion, kiel elstara esperantisto laboranta en Ĉinio kaj Vietnamio favore al Esperanto. Post transdono de la flago al la venonta LKK, kaj kanto de la Himno, finiĝis la ĉijara Universala Kongreso.

Dum la semajno, ni partoprenis tri ekskursojn, du el ili duontagaj: viziton al Kopenhago kaj al bierfabrikon Carlsberg, kaj tuttagan al la sveda urbo Malmo, ĉifoje kun agrabla somera vetero.

En Malmo, nuntempe ligita al

Kopenhago per longa tunelo kaj ponto, ni vidis la plej altan konstruaĵon de la urbo, tre bela domo de la hispana arkitekto Santiago Calatrava.

La tagmanĝo, en kelo de la urbodomo, certe bela konstruaĵo, estis bongusta, kaj ni babilis kun pluraj esperantistoj el diversaj landoj.



*Tri hispanaj esperantistoj en Malmo*

Unu plian fojon, ni ĝuis bonan esperantan etoson, en agrabla kaj amika sinteno, dum kiu ni havis eblecon babiladi kun jam konataj amikoj en aliaj UK-oj kaj esperantaj renkontiĝoj.

Kiel prave asertis Prof Dasgupta, en sia ferma parolado, *estas granda plezuro por ni alilandanoj esti jam kvaran fojon inter la danoj kaj lerni, ke ankaŭ alilan-danoj estas iaspecaj danoj. Danlando estas modela gastiganto. Kopenhago fariĝis monda simbolo de la ekologia strebado atingi ekvilibrajn solvojn sur ĉiu tereno.*

***R. Urueña kaj L. Hernández***

## Nova direktoro de "*Fundación Esperanto*"

Antonio del Barrio, antaŭa Direktoro (de 2003 ĝis 2011) lasis la postenon por preni la komplikan taskon respondeci pri la prezidanteco de HEF, granda kaj grava "dHEFio". Ni kore dankas al li pro la intensa agado kaj agemo antaŭa, nuna kaj estonta (ni deziras ke li eltenu tiom da sukceso!).

Kaj la nova direktoro estas Manuel Pancorbo. Li naskiĝis en la jaro 1965 kaj esperantistiĝis en 1995, helpe de interreto. Li estas fizikisto kaj li estas sufiĉe konata pri diversaj E-aktivaĵoj kiel la kantado en la ĥora kvaropo "Sinkopo". ***Lorenzo Noguero***



*Antonio Marco kaj Manuel Pancorbo*

## *"Fundación Esperanto"*: Helpoj dum 2011

Fundación Esperanto decidis apogi dum ĉi tiu jaro la E-instruadon en hispanamerikaj landoj per sendado de E-libroj (lerno-libroj kaj vortaroj). Sed ĝis nun, ni ne ricevis multe da petoj tiucele.

E-grupoj en Hispanio povas sendi al ni proponojn pri ekonomiaj helpoj koncerne al instruado kaj disvastigado de Esperanto. Ekz.: organizado de E-kursoj, eldono de libroj en aŭ pri Esperanto, realigo de E-eventoj, plibonigo de sidejo... Eĉ oni povas fari aliajn sugestojn aŭ proponojn.

La petoj (kun dokumenta memorando) devos esti ricevataj antaŭ ol la 30a de novembro de 2011 (kun indiko de banka konto por eventuala sendado de mon-helpo). Oni helpos aktivaĵojn jam faritajn aŭ faratajn antaŭ ol la limdato.

Poŝt-adreso: Fundación Esperanto. Calle Cadena, 20. 50009-Zaragoza

E-adresoj: Direktoro: mpancorbo@gmail.com Sekretario: lorenzoesperanto@yahoo.es

# TAGO DE ESPERANTO EN JULIO

La 26-a de julio estas ĝenerale konsiderata kiel la datreveno de la lingvo Esperanto, ĉar en tiu tago aŭ alia tre proksima de 1887 estis eldonita la tiel nomata Unua Libro de Esperanto. Pro tio, diversaj organizaĵoj de la esperantista movado aranĝas agadojn kun rilato al nia lingvo.

Ĉijare, unu el la plej videblaj okazis en la socia reto Twitter, kie kelkaj centoj da samideanoj publikigis mesaĝojn en aŭ pri Esperanto, speciale etikeditajn per tiu vorto.

Ankaŭ en Madrido disolviĝis agado, eĉ se malpli ambicia, kaj pli distra: grupo de esperantistoj renkontiĝis por babili kaj bierumi en teraso de drinkejo en la centro de la ĉefurbo. Oni profitis la okazon por disdoni diplomojn al kelkaj madridanoj sukcesintaj en la ekzamenoj kiuj sub la ŝildo de KER organiziĝis dum la pasinta Hispana Kongreso en San Lorenzo de El Escorial.



*Alejandro kaj Manolo kun iliaj diplomoj*

La plej surprizan kaj samtempe formalan agadon oni ŝuldas al la pola prezidanteco de la Eŭropa Unio, kiu publikigis en sia oficiala retejo manifeston memorantan la 124-an datrevenon de la lingvo, kaj ties ligojn al Pollando. La teksto aperis en la pola, la angla kaj Esperanto mem.

***Toño del Barrio***

# MONTRO DE LIBROJ EN TENERIFO

Kiel jam tradicie, fine de majo kaj komence de junio okazis, kadre de la Libro-Foiro de Santa Cruz de Tenerife, elmontro de libroj en Esperanto fare de Esperantista Societo de Tenerifo (ESTO). La Foiro okazas en centra parko García Sanabria kaj allogas milojn da homoj kiuj vizitas budojn de librovendejoj kaj partoprenas dekojn da kulturaj aranĝoj: koncertojn, prezentojn de libroj, publikajn legadojn, spektaklojn por infanoj k.s. ESTO posedas propran budon, kie per la montrado de libroj, revuoj, ktp ni propagandas nian lingvon al interesatoj. Ni disdonas broŝurojn kaj respondas demandojn el centoj da vizitantoj, do temas pri la plej grava aranĝo de la jaro por propagandi Esperanton. Ĉi-jare ni lanĉis modestan kampanjon por kolekti lernontojn per formularom kiun ni invitis plenigi al la plej interesataj homoj kiuj emis ĉeesti estontan kurson. Deko da enskribiĝintoj do atendas nian sciigon pri ebla postsomera kurso de Esperanto.

Deĵoris en la budo kelkaj membroj de ESTO.




Sur la foto la prezidanto Antonio Suárez (maldekstre) kaj José Luis Cruz.

***José Luis Cruz***

# LOKA TELEVIDILO INTERESIĜAS PRI ESPERANTO

Loka televido de Zaragozo interesiĝis pri Esperanto kaj alvenis al ni. Ni menciis la ekziston de monumento dediĉita al Esperanto. Ili filmis tie kun intervjuo al Lorenzo Noguero (Prezidanto de la aragona grupo Frateco) kaj al Eunice Alberto (brazila esperantistino loĝanta en Zaragozo... kaj en la koro de la antaŭa).



*Antonio Marco intervujanta por la loka televidilo*

Poste, ili venis la 3an de majo de 2011 al la sidejo de Frateco kaj Fundación Esperanto. Tie, ili filmis iomete kaj intervjuis du junulojn: Antonio Marco Botella (Prezidanto de Fundación Esperanto kaj kore juna) kaj Emilio Pérez.

A. Marco parolis pri sia esperanteco, pri nia internacia lingvo kaj je la fino li deklamis poemon hispane kaj en esperanta traduko. Temis pri la belega «La definitiva vojaĝo» de Juan Ramón Jiménez.

La elsendo okazis finfine la 18an de majo en vespera Teleĵurnalo kaj daŭris pli malpli 2 minutojn. La prezento estis ĝenerale pozitiva kaj aperis homoj, historio, literaturo... kaj amo.

***Lorenzo Noguero***

# KantEA

Dum tuta semajno de aŭgusto ĉiuj aŭtobusoj de la urbo Santander prezentis al la vojaĝantoj plurminutan filmon titolitan "El esperanto en la actualidad".

La 12an de septembro KantEA komencis bazan kurson de Esperanto en la CNT-ejo de la urbo Torrelavega. La lecionoj okazas lunde kaj marde de la 20:00 ĝis la 21:00.

La 21an de sepembro okazis en la librejo "La Libre" de Santander, prezentan prelegon pri Esperanto, sub la titolo "El esperanto, otra manera de entendernos", fare de samideano Miguel Gutiérrez Adúriz.

La 26an de septembro komencis alian bazan kurson de Esperanto en la sidejo de KantEA, San Fernando 58, p-8, en Santander.

Komence de oktobro aperis la informilo "Saluton", kie oni povas legi pri la venontaj ekskursoj organizitaj de KantEA kaj pri estontaj aranĝoj de la asocio, inter ili la frateca kunmanĝado omaĝe al Zamenhof, kiu okazos la 17an de decembro. Ankaŭ oni anoncas la forpason de unu el niaj plej karaj veteranoj, s-ro José Morales Martínez, kiu ankaŭ estis membro de HEF.

***Miguel Gutierrez Adúriz***

# NOTOJ PRI LA 70a HEF-KONGRESO *(Dua parto)*

*(En la antaŭa numero, ni publikigis la unuan parton de ĉi kontribuo de Miguel Fernández, per kiu la aŭtoro, raportante pri la pasinta HEF-kongreso ĉe El Escorial, recenzas programerojn, vortigas siajn impresojn, elvokas homojn kaj homaĵojn en rilato kun la esperanta afero... Ĉi-numere, jen ni prezentas la duan parton de tiu laboro, fakte eseo. Ekzistas tria kaj kvara partoj, kiujn vi povos legi en la venontaj Boletín-numeroj. Krome, ni sciigas, ke la tuta eseo aperos ankaŭ en la gazeto Beletra Almanako).*

**Vendrede, la unuan de julio.** Vizito al la Monaĥejo ĉe El Escorial. Mi ne aliĝis. Jam du fojojn mi vizitis ĝin kaj, se konfesi la veron, nenion mirindan –krom ĝia vere superba rektlinia pureco– mi ricevis el tia monumento iam rigardata la oka mirindaĵo de la mondo. “Por Dio, palacon; por la reĝo, kabanon”, laŭdire, Filipo la Dua ordonis al siaj arkitektoj. Kaj tiuj konstruigis al li tian kabaneton kun 2673 fenestroj, 16 kortoj, 9 turoj... *Parado tanga... trapavo salona*: versoj de Gonçalo Neves, el lia poemo *farso*[1].

Por la restintoj, du ebloj: kurso aŭ prelego. Mi ĉeestis la duan. Feliĉe. Félix Jiménez Lobo, el propra sperto, kiel membro de labor-kooperativo, parolis pri sociala ekonomio. Pri kooperativismo en la nuntempa socio. Kaj tio, unuavide eksmoda, elĉerpita, deknaŭajarcenteca, el liaj lipoj sonis kvazaŭ ĵus kreita, vigla, promesplena bono. Sonis je ĉiutage realigata utopio, je liberecana praktiko: entreprenoj, kie servo al ties anoj kaj al la tuta socio staras super la ideo pri profito. Entreprenoj memmastrumaj, kie gvidado cirkulas membr-al-membre. Kie la anaro kundecidas siajn salajrojn, labortagojn, feriojn... ĉiam kadre de la leĝaro ĉiulanda.

Félix parolis ankaŭ pri *Coop57*, ĉe kies Sociala Komisiono li membras. Temas pri kooperativo, kiu “destinas siajn proprajn rimedojn al financa helpo pri projektoj de ekonomio sociala kaj solidara, kapablaj stimuli kooperativismon, asociismon kaj ĝeneralan solidarecon, samkiel daŭrigeblan ekonomian disvolvon surbaze de etikaj solidaraj principoj”...

Vere ravis la konvinkiĝo, firmeco kaj fiero, per kiuj Félix parolis pri “etikaj solidaraj principoj” ĉi-kadre. Same, li parolis ankaŭ pri etikaj bankoj. Jes, vi legis bone: etikaj bankoj. Temas ne pri oksimoro aŭ apudigo de neapudigeblaj vortoj. Tiaj bankoj, liadire, ekzistas. La nederlanda *Triodos Bank* –en Hispanio, la unusola tiuspeca–, estas unu el ili. Ĝiaj financaj investoj iras, ĉefe, al tri agadkampoj: sociaj, kulturaj kaj mediaj, nome al ekonomiaj areoj, kie la kapitalo estas palpebla kaj reala, ne spekula.

Lavangis demandoj. La temo kaptis ĉiujn. La temo ne povis ne ruliĝi al politikaj-sociaj terenoj, kie starpunktoj, ni scias, diversas kaj diverĝas. Kaj polemiko ŝaŭmis, sed en bona etoso. Mi bedaŭris nur, ke, pro samtempigo de aranĝoj, la plejmulto el la kongresanaro ne povis ĝui tiel interesplenan, debat-vekan kaj instru-riĉan prelegon.

Poste, devintus okazi la dua sesio de la ateliero pri traduk-arto: esperantigo de poemoj. Sed oni ne povas postkuri du leporojn samtempe. Tiumomente, la ĉi-pria responsulo, Antonio Valén, rolis

interpretiste, kadre de la ankoraŭ ne finita vizito al la Monaĥejo.

Anstataŭe, atelieris Miguel Gutiérrez Adúriz. Fakte, pri parenca temo: esperantigo de kanto-tekstoj.

Nu, se tradukado de poemoj postulas aŭdacon, tradukado de kanto-tekstoj postulas frenezon. Ne sufiĉas rekrei la enhavon aŭ spiritan atmosferon de la originalo kaj ties metrikan strukturon, sed oni, laŭeble, ankaŭ zorgu, ke la muzikaj akcentoj ne falu sur metrike senakcentajn silabojn. Krome, la vortoj senĝene prononceblu, senpene kompreneblu... Aŭskultanto de kanzono, eĉ se li havas NPIV-on ĉemane, certe preterus ĝin konsulti. Tujo, sinsekvo, facilo, freŝo, malstreĉeco, ludo... regas ĉi-terene.

Miguel elmetis ĝeneralajn liniojn por alproksimiĝo al la traduka idealo. Kaj sciigis nin pri la rifoj renkontitaj ĉe esperantigo de popularaj hispanaj kaj latin-amerikaj tekstoj de kanzonoj kiel *Moliendo café* (Li kafon muelas), *Alma llanera* (Animo savana), *La muralla* (La muregο), *Bailando* (Mi dancas), *A quién le importa* (Ne mezuru)[2]...

Kaj eĉ pli, ĉe ies kant-invita krio – aaaaaa...ah, hu!!!– laŭ plej pura kubana stilo, Miguel ne povis ne ekkanti la refrenon de la suka-ritma *Citis vin Adela* (Me lo dijo Adela), kiun kelkaj atelieranoj kunĥoris.

Post dua Vikipedi-sesio, kunmanĝado. Sed ĉi-foje ne en la sama loko. *La najlo en mia ĉerko*[3] pluis en paneo, homoj svarmis... Mi pafis min for kaj aliĝis al grupo da gekongresanoj, kiuj serĉadis restoracion. Poste, mi sciiĝis, ke kelkaj el ili vegetalismas. Povraj! Ĉi-lande eĉ simplaj vegetaranoj ĝiskole baraktas en problemoj por esti priservataj laŭe. Kiam ni hispanoj lernos, ke tinuso kaj ŝinko ne estas vegetaloj? Kiam, ke mituloj kaj salikokoj apartenas al la besta regno?

Memoro pri Carmen. Pri ŝia *basmati-rizo*[4]. Loza, fumanta, aroma, blankega. Pri ŝiaj pladoj da melongenoj farĉitaj per sekvinberoj kaj pin-semoj... Mi sentis ŝian mankon. Sed sendube ŝi feliĉis ĉe Pireneoj, ĉe sia amata ĉevaleto, samkiel mi, ĉe *San Lorenzo*, ĉe la mia.

Finfine ĉio solviĝis bon-orde. Ni trovis restoracion kun tradicia aer-klimatizado: dikegaj muroj kun bona izolkapablo. Ĉu necesas plio? Por la vegetalistoj oni aranĝis ne malkontentigajn kombinojn. Al ni, ceteruloj, manĝantoj de besto-kadavraĵoj, eblis eĉ gustumi i.a. pli ol akcepteblan paeljon. Eĉ helpi la glutadon, la koron, la spiriton, per estiminda ruĝa vino.

Je la 16a, mia ateliero pri deklamado. Ni prilaboris espriman naturecon, simplon, senigon je soleno, je bombasto, je ŝvel-parolaj tonoj. Kriojn for! Ankaŭ plorojn! En mia infan-aĝo, deklamistoj kutime trouzis afektitan patoson, frenezule laŭtis, korŝire larmis... Ĉu sekve de la grand-efekteco diktatura, kiu ŝvebis super ĉio? Plejeble, jes. Nuntempe, ordinare, oni fuĝas de tiaj artifikoj kvazaŭ de la pesto. Sed ne ĉiam. Pasintjare, kadre de la centa datreveno de la naskiĝo de la poeto Miguel Hernández[5], mi spektis dekojn da deklamadoj de ties renoma kaj impona *Elegio* al la mortinta amiko Ramón Sijé. Bonaj geaktoroj, ĝenerale, bonis, kelkaj eĉ superbis, sed ne mankis inter ili malliberej-meritaj rapsodoj, kiuj funebristine plorkriis aŭ priĝemis ĉiujn versojn de tiu senkompara majstraĵo, ia speco de tritempa verso-simfonio postulanta, do, tri diversajn deklamajn registrojn. Postulanta, ĉefe en la lasta parto, retenatan emocion. Eĉ ĝojon pro la fakto, ke

ĉiu forpasinto sin transvivas en objektojn, en homojn, en memorojn... kaj venkas, do, la morton...

Ni tranĉis nian atelieron. Ni klopodis ne tute mistrafi gravan prezenton okazintan samtempe kiel la nia. Alieje, Miguel Ángel Sancho kaj Ana Manero parolis pri temo aparte alloga por homoj, kiuj emas al studo de la literaturo, la historio, la diversaj soroj kaj soboj de niaj lingvo kaj movado laŭlonge de la jaroj, la aktualaj eĥoj de niaj ekzisto kaj agado: la Projekto Bitoteko, mirinda propono krei bitdeponejon de ĉiuspecaj esperantaj dokumentoj kaj meti ĝin je dispono de la ret-uzantaro. Ia revo por multaj el ni.

Bedaŭrinde, mi ne multon povis kapti. Mi apenaŭ aŭdis. Kiel sciate, kiu venas plej frue, sidas plej ĝue. Kaj mi sidis ne tro ĝue ĉe la fino de la salono pro mia nepra malfruiĝo. Ĉu gliti antaŭen? Mi ne volis ĝeni. Mi rezignaciis je simpla plukado de frazeroj kaj je ties kunligado laŭ miaj kompreno kaj supozo. Do mi nur imagis kion oni diris.

Pri la sekva programero, prezento de estontaj eldonoj, devintus okupiĝi Liven Dek kaj mi mem, sed ni forcedis nian tempon al Antonio Valén por ke li efektivigu la duan sesion de sia ateliero pri tradukado.

Kaj ni tradukis poemojn de la hispanaj majstroj super majstroj Antonio Machado kaj Federico García Lorca. Kaj, kiel kutime, kelkaj el la atelieranoj nin surprizis per atentindaj proponoj. Kaj, kiel ĉiam, la solvoj de majstro Fernando de Diego evidentiĝis ronde perfektaj en sia mirgapiga simpleco.

Muziko, klasikaj kaj popularaj ĥor-kantoj kun originale verkitaj aŭ kompetente esperantigitaj tekstoj, metis la finan punkton al la kvara kongrestago.

Per laŭtaktaj manplaŭdoj kiel akompano al la sudafrika populara kanzono *Frate marŝas ni*, vice eniĝis en la salonon ale al la scenejo la soprano Laura Carballo, la aldo Paloma Gil, la tenoro Manolo Pancorbo kaj la baso Pedro Vilarroig, nome *Kvaropo Sinkopo*[6].

La ĉeesto de Pedro kaj Laura retroportis min al epoko... kiom da jaroj pli frua? Al kiom da neripeteblaj travivaĵoj? Ĉe kiom da senkomparaj homoj, kelkaj el ili –Ada Fighiera, Juan Carlos Ruiz Sierra...– jam vivantaj nur, ve, en la memoro de la homoj, kiuj amis ilin?

Bildoj de la unua ĥoro de MEL (Madrida Esperanto-Liceo): Juan Carlos, Pilar, mi mem kaj ne pli ol sep aliaj membroj estritaj de Vilarroig. Ekis la okdekaj jaroj. Jardek-fine, tia ĝermo transiĝis al la multopaj ĥoro kaj orkestro *Verda Stelo*. Kiel forgesi la impresofaran voĉan imbrikiĝon montritan de la verdastelanoj –pli ol trideko da!– kadre de la UK en Valencio, en 1993? Kiel forgesi la agitiĝon de mia animo ĉe aŭskultado de miaj versoj –kiujn Pedro Vilarroig faris kantato, la unua en esperanto– sur la lipoj de niaj ĥoranoj kaj solistoj, tiukadre, akompanataj de la *Orkestro de Valencio*, en la koncertejo *Palaco de la Muziko de Valencio*? Kiel forgesi la apudeston de Laura

sursceneje? De ŝia gitaro, kies animon ŝi scias delikate elpluki? La ĝojon senti min akompanata de ili ambaŭ dum kantado de *El nia nio inta, du lamentoj*[7], soneto mia-pluma impone bele muzikigita de Vilarroig?...

*Kvaropo Sinkopo* estas nuntempa avataro de la muzik-amo de Pedro kaj Laura, al kiu aldoniĝas la entuziasmo de Manolo Pancorbo kiel ĥorano kaj ties pasio al traduko, adapto aŭ versiado de renomaj aŭ simple interesaj kantotekstoj en esperanton. Pri Paloma Gil nenion mi scias.

Ja multopaj ĥoroj havas la avantaĝon, ke, por atingi kontentigan finan rezulton, iliaj anoj ne nepre virtuozu. Misojn stompas, maskas, diluas la sonora efiko de granda trafa plimulto. Se temas pri kvaropa kant-ensemblo, male, ajna misagordo, ajna fuŝ-tono, ajna malsinkroniĝo klare percepteblas senrimede. Do tiukadre bezonatas ni ne diru virtuozoj –kiom da brilaj prezentoj ili (ĉu la *Tri tenoroj* ne instruis nin prie?) fojfoje ruinigas por elstari super la kompanoj!–, sed voĉoj flege prilaboritaj ĝis bela interakordo surbaze de multaj provo-horoj.

Ĝuste tio mankas al *Kvaropo Sinkopo*. Similspecan mankon, solveblan per sindediĉo kaj tempo, ĝenerale montras ensembloj, kiuj, kiel mia plektr-orkestro, neprofesie muzikas.

Sed faktas ankaŭ la trea braveco de niaj kvaropanoj en la ne maloftaj okazoj, kiam ili bravis. Ja ĉiu spektanto havas enbruste virtualan kordon, kiun muzikaj harmonioj, perfektaj voĉ-kupliĝoj k.s. igas resonanci, nome vibradi samfrekvence kun ili. Tiam eblas sensi la akordon de la tuta universo. Ĉu ne serĉe de tia mirinda ebriiĝo multaj el ni ĉeestas koncertojn?

Nu, en kelkaj momentoj, tien celis *Kvaropo Sinkopo*. Mia enbrusta kordo tion ekrimarkis. La tradicia nigrula spiritkanto *Varme el kor'*, en vere belsida teksta E-versio de Pancorbo, havis la koloron de la bonaj adaptoj. Elektre vigla, plena de la originalaj gajo kaj gracio, sin proponis *Via koko, kamarado*, samaŭtora teksta –trafa, flua– E-versio de la galega populara kanto *Eu queria-me casare*. Kortuŝis *Iam homo*, de F. Morris kun teksto de Liven Dek, kiu, petite de Pancorbo kaj de la publiko, sursceniĝis por saluti. Liaj eklarmoj de emocio igis min eklarmi. Kiu, krom aŭtoro de muzikigita poemo, povus ĝustamezure kompreni la kosman anim-flirton spertatan de la homo, kiu aŭskultas siajn versojn transcenditaj per la magio de muziko?

Per ripeto de ĝuste tiu kanto nin regalis la kvaropo post la fino, ĉe insista bisado de la publiko.

Kiel ĉiuvespere, nia babilrondo terasumis por ĝui friskon, bieron aŭ ruĝan vinon laŭ la somera stilo –kun limonado kaj glacio– kaj amuze malstreĉan atmosferon. Tamen iom pli mallonge ol kutime. Sekvatage nepris frua ellitiĝo.

Reveninte hejmen, mi ricevis vokon de Carmen. Ĉio en ordo ĉe Pireneoj. Kaj kiel do la kongreso? Bele, Carmen, vere bele. La LKK meritas dankon kaj gratulon.

**Sabate, la 2an de julio.**

Ellitiĝo je kvarono antaŭ la sepa. Sur la strato, ondoj da petola matenfrisko karesis la vizaĝon. Kun ĝermana akurateco, je la sepa kaj duono aperis la aŭto de Manolo Parra kaj Ana Manero. Kaj, kiel kutime, kvankam unu horon kaj duonon pli frue, ni triope aŭtis al San Lorenzo de El Escorial: Manolo intencis ekzameniĝi, kaj Ana ricevis la taskon atenti, ke ekzamenatoj ne kopiu. Krom li, plenmano

da e-istoj –ĝuste kiom da?– ne volis fordormi eksterordinaran okazon, kiun la kongreso ofertis: la eblon ricevi atestilon pri Esperanto laŭ Komuna Eŭropa Referenckadro pere de ekzameno fare de Universala Esperanto-Asocio kaj Ŝtata Lingvoekzamena Centro de Budapeŝto.

Splenda tago. Ĉe nia alveno, ni salutis kelkajn homojn, i.a. la ekzamenanton Renato Corssetti kaj la ekzamenantinon Maria Rados, kiuj atendis la malfermon de la kongrespordo. Estis la oka kaj duono. Restis ankoraŭ naŭdek minutoj ĝis la eko de la unua programero. Senhomis la stratoj, odoris je akvumita tero, la urbo invitis onin promeni, sensadi ĝian virgon tiomahoran. Kaj mi stratumis. Sola. Kaj pretervole venis fronte al la oka mirindaĵo de la mondo, kiu ĝuste tiumomente, nur tiam, por la unua fojo min mirigis.

Juna suno muĝe invadis la orientan flankon. Sur la okcidentan, granda ombro trafluata de fajna montar-brizo elverŝis sian ĉeeston. Lante. Friske. Tikle. Mi banis min ĉi-ombre. Mi tute solis. Mi eksidis, spiris plenpulme kaj lasis min trapasi de ĉi pura kvieto. Ekvibris mia enbrusta kordo. Mi sentis min soradi, ĝis mi atingis la alton de silento. De la silento, kiu permesas al ni reverki la mondon. Ĝuste tian silenton iam mi posedis. Ĝin kaj poemon. Nenion plian. Subita ventopuŝo deŝiris miajn branĉojn, forpelis miajn versojn... Tia silento... Mi volis nur endormiĝi en la sino de tiom da libero.

Ne eblis. Bruis motoro. Purigisto eniĝis ombrejen kun suĉil-tubo enmane kaj aplikadis ĝin surŝtone. Aperis ankaŭ la unuaj opoj de vizit-avidaj turistoj, kies granda plejmulto neniam ion vizitas en la propra urbo kaj revenas al ĝi kun la memoro ŝtopita per muzeoj kaj vidindaĵoj kiel Alhambro en Katmanduo, Taĝ-Mahalo en Varsovio, Ejfel-turo en Pizo... Mi fuĝis.

Eblis ankoraŭ stratumi sen homoj kaj sen bruo. Mi trafis en placon kun sid-invita benko. Ĉu eksidi? Kompreneble, jes. Miakapen venis la ideo, ke eble Ana Manero ne povos kelkajn minutojn forlasi sian okupon ekzamenan por partopreni la antaŭviditan publikan deklamadon fare de la anoj de mia ateliero. Se tiel, mi transprenus ŝian taskon: mi, anstataŭ ŝi, deklamus la poemon *Kiel vi*, de la granda León Felipe[8]. Kaj mi studis la versojn de tiu nekredeble bela kaj simpla lirikaĵo, kiujn antaŭ kelkaj monatoj mi mem tradukis:

*Ŝton', mia vivo*
*estas*
*kiel vi. Kiel vi,*
*ho, ŝtono eta:*
*kiel vi,*
*ŝtono leĝera;*
*kiel vi,*
*ho, ŝtono preta*
*ruliĝi strate*
*kaj sur padoj stretaj;*
*kiel vi,*
*ŝtono humila, ŝtono ŝosea;*
*kiel vi,*
*kiu en tagoj tremaj*
*de ŝtormo*
*sinkas en la koton teran*
*kaj poste*
*flagre stelas*
*sub ĉevalhufoj*
*kaj sub radoj pezaj;*
*kiel vi, kiu ne taŭgis*
*por esti ŝton' modesta*

*de vendohalo,*
*nek ia ŝton' juĝeja,*
*nek ia ŝton' palaca,*
*nek ia ŝton' preĝeja...*
*kiel vi, ŝton' aventurema...*
*kiel vi,*
*kiu verŝajne servas*
*nure por ŝtonĵetilo...*
*ho, ŝtono eta*
*kaj*
*leĝera...*

Survoje al la kongresejo, ial mi rigardis miajn manojn, kaj ili aperis plenaj de horizontoj.

Je la deka, prelego de Kimo, kunfondinto de la ensembloj *Esperanto Desperado* kaj *Hotel Desperado*. Kimo, ia korifeo de la rok-muziko en esperanto, prezentis sin sekvo de esperanto: la gepatroj konatiĝis –supozeble ĝue ekkonis unu la alian– IJK-kadre. Rezulto: Kim J. Henriksen, alinome Kimo.

En nekonvencie nekonvencia kostumo, kun spontanaj movoj kaj paroloj, kun portebla komputileto enmane –ĉu ne ankaŭ kun ĉapelo surkape?– ire-reire sursceneje, nia neesprimebla Kimo parolis pri muziko. Pri esperanta rok-muziko. Ĝuste li konsistigas leonan parton de la nelonga sed kurioza historio de tia fenomeno. En 1982 li, kune kun Bertilo Wennergren kaj Micke Englund, fondis la pioniran rok-muzikan esemblon *Amplifiki*, kies kasedo *Tute ne gravas*, aperinta en 1983, vere furoris. El ĝia enhavo, la kanto *IS* transiĝis al himno de la Internaciaj Seminarioj, kaj *Sola*, verkita de Kimo mem, sukcesis atingi ĝeneralan ŝaton preter- kaj trans-generacian. Tiom, ke eĉ vere sprita parodio de ĝi komponiĝis. Grand-ekrane, Kimo projekciis prezenton faritan de la kantisto Duncan kadre de la IJS 2007 en Tab, Hungario[9]. Temis pri la kanzono *Mola*. Ĝi mirinde pipre kaj amuze priskribas IJS-an amorhistorion fiaskintan, ĉar la protagonisto –fakte, lia amorilo– estis *mola, mola, moooola*.

Kiel tio delektis la publikon! *(daŭrigota)*

***Miguel Fernández***

## NOTOJ

[1] El la kontribuaĵo de Gonçalo Neves ĉe la kvaropa poemaro Ibere libere (la aliaj tri aŭtoroj estas Liven Dek, Jorge Camacho kaj Miguel Fernández), Pro Esperanto, Vieno, 1993, 136 p.

[2] Kompletaj E-tekstoj respondaj al tiuj kaj al multaj pliaj titoloj, kune kun aŭdovidaj prezentadoj de la originalaj kantoj troveblas ĉe http://www.ipernity.com/blog/liven

[3] Temas pri ŝerca aludo al paneinta aer-klimatizilo en restoracio, kiel oni vidis en la unua parto de ĉi eseo, publikigita en la numero 394 de Boletín.

[4] basmati: renoma tipo de ŝatata rizo produktita en Barato (alinome, Hindio).

[5] En esperanto ni disponas antologion de liaj poemoj elhispanigitaj kaj komentitaj de Miguel Fernández: Miguel Hernández, poeto de l' popolo, n-ro 4 de la kolekto Hispana Literaturo, Grupo Esperanto de Valencia, Valencia, 1988, 152 p.

[6] La tuta prezentado de Kvaropo Sinkopo kadre de la 70a HEF-Kongreso aperas dise ĉe:

http://www.youtube/user/ekstremoj http://www.youtube/user/esesperanto http://www.youtube/user/svenadun

[7] Ĉi-pria aŭdovida prezentado spekteblas ĉe http://www.youtube.com/watch?v=JZilJ6QB0e8

[8] León Felipe: pseŭdonimo de Felipe Camino Galicia de la Rosa (1884-1968), renoma hispana poeto el la t.n. Generacio de la Respubliko aŭ Generacio de 1927.

[9] Ĉi prezentado spekteblas ĉe http://www.youtube.com/watch?v=upo-qzJvWlU

# LA 150 NASKIĜDATREVENO DE ELSTARA VERKISTO

Oni ne povas forgesi la gravan figuron de la hinda verkisto Rabindranath Tagore, naskiĝinta en la jaro 1861 en Kalkuto, kiun ni volas celebri elvokante kelkajn el liaj viveroj okaze de lia 150a naskiĝdatreveno. Lia patro estis respektinda filozofo, li estis la 14ª filo de granda familio, kaj inter tiuj gefratoj, la plej aĝa estis inteligentaa filozofo, alia el la fratoj tre bona muzikkomponisto aŭtoro de multaj partituroj; du el liaj fratoj fondis la ĵurnalon "Bharati" kaj unu el liaj fratinoj estis prestiĝa novelistino. Tagore mem jam verkis mallongajn rakontojn kiam nur estis 16-aĝa.

En 1878 li vojaĝis al Britio kie li studis en publika lernejo, poste en la Universitata Kolegio de Londono, sed kvankam li pretendis studadi leĝojn li precipe sin dediĉis al la verkado de beletro kaj eŭropa muziko, kaj post unu jaro forlasis tiun landon.



Bildo elŝutita de Flick (Cea) flickr.com/people/centralasian/

En 1881 li publikigis la verkon **"Leteroj de vojaĝanto tra Eŭropo"** en kiu li priskribis en la ĵurnalo de siaj fratoj, "Bharati", siajn impresojn pri Eŭropo, kaj iom pli poste du muzikajn dramojn **"La genio de Valmiki"** kaj **"La kanto dum krepusko"**, sekve la prihistoria novelo **"La ferio de la reĝimo ĵus edziĝinta"** (1883), kaj en tiu jaro mem li edziĝis kun 16-jara junulino.

Tagore verkis novelojn, eseojn, kanzonoj, fabeloj, kaj ankaŭ estis ofta preleganto, sed la poezio estis kiu donis al li pli altan prestiĝon. Tre ofte verkis pli malpli longajn frazojn, kiuj estis pli proksimaj al poezio ol la prozo, jen unu el tiuj pecoj kiujn mi indikis:

**Tion ŝajnas al mi, amo mia.-**

*Ŝajnas al mi, amo mia, ke antaŭ ol ekbrili la vivotagon vi stare estis sub kaskado de feliĉaj revoj, kiuj plenigis per ĝia varma skandalo vian sangon… aŭ, eble, via vojo estis tra la ĝardeno de la dioj, kaj multenombraj lirioj, jasmenoj kaj nerioj falis sur viaj brakoj amase, kaj, enirantaj en via koro okazigis tumulton tie…*

*Via rido estas ja kanzono, kies vortoj droniĝas en la melodi-krioj; forrabo el flor-parfumo ne viditaj, estas kiel la lun-lumo kiu rompus tra la fenestro de viaj lipoj, kiam la luno ekkaŝiĝas en via koro…*

*Mi ne plu volas esprimi pli da rezonoj, mi ja forgesas la motivon…*

*Mi nur scias ke via rido estas la tumulto de la vivo en konstanta ribelo.*

*****

Kiel vi povas konstati, la poeziprofundo

superas tion kio aperas kiel prozo, kaj estas pro tio ke iom post iom lia famo kiel litaraturisto estis fakte superita per lia prestiĝo kiel poeto.

Tagore, tute ne ripozis, li ofte verkis, krom noveloj, ankaŭ mallongajn fabelojn, tiujn cititajn literaturajn pecojn, teatroverkojn, popolaj kanzonoj kaj en certa tempo li sin dediĉîs al la tradukado, precipe por komplezi siajn amikojn verkistojn. Speciale li ankaŭ verkis kanzonojn por apogi la Movadon por la Sendependeco de Hindio, kaj konkrete en la jaro 1919, okaze de la masakro de Amritsar, kiam la britaj trupoj mortigis pli ol 400 hindaj manifestantoj, li ne akceptis la titolon de "Kavaliro" kiu donis al li la Britia Krono.

En 1890 li vojaĝis denove al Britio, dum tiu periodo oni devas elstarigi la poetikajn kolektojn **"Citra"** kaj **"La libro de la jardatreveno"**. Kaj en 1901 fondis sub la devizo de la intelekta libero kaj harmonia formiĝo de la humana homo, lernejon en Santiniketan, kaj tri jaroj poste publikigis politikan eseon titolitan **"La Nacia Movado"**, en kiu li esprimas siajn ideojn pri la sendependeco de Hindio: li estis plene konvinkita ke ĉiuj aspiroj pri la sendependeco de sia lando nur estis atingebla per bona edukado.

En 1910 aperis unu el siaj verkoj publike plej estimataj, **"La Lirika Ofero"**, kaj li daŭrigis publikigante longan liston da verkoj, grandparte el ili tradukitaj al la hispana lingvo de Zenobia Camprubi, edzino de la hispana poeto Juan Ramón Jiménez, kaj tra tiu vojo li meritis kaj ricevis en la jaro 1913 la "Nobelpremion pri Literaturo". Li vojaĝis al Sudameriko dum kelkaj jaroj.

Kaj antaŭ ol fini ĉî tiun mallongan biografieton, mi prezentos al la legantoj de tiu ĉî artikolo jenan belan poemeton de Rabindranath:

**La lasta vojaĝo**

*Mi scias ke iun vesperon de ia ajn tago*
*la suno diros al mi sian adiaŭon lastan*
*per sia ora magia belega mano ekde la*
*brila angul' de l'okcident' lontana…*

*Kiel ĉiam, mi jam estos flustrinta*
*kanzonon,*
*kaj estos rigardinta knabinon ĉarman, la*
*ĉiel' kun nuboj mi estos kontemplanta*
*tra l' arb' kiu rigardas mian fenestr'*
*lumklara.*

*La paŝtistoj siajn flutojn ludos kun art'*
*sub la ombro de la figarboj*
*duondormintaj,*
*la ŝafaro petolas apude de la montoflank'*
*kiu inkline milde falas al la river' fluanta.*

*La fum' de la dom' de mia najbar'*
*supreniros…*
*kaj mi ne scios ĉu tio lastfoje okazos….*

*Sed mi petas al vi, ho Sinjor'!,*
*ĉu mi ne povus scii kiam la viv' min*
*forlasos?*
*kial ĉi tiu ter' havis min inter siaj brakoj,*
*kaj kion ĝî volis diri min dum stelnokto?*

*Kaj mia kor' –kion volis diri al mi mia*
*kor'?*

*Antaŭ ol foriri mi volas momenton*
*prokrasti,*
*kaj kun la piedo jam sur la piedingo,*

*kiel fino de la melodi'  kiun mi venis kanti…*
*mi volas estu la lamp' lumanta, Sinjor'!*
*por vidi vian revatan  bonan  vizaĝon!*

*Kaj mi volas preni belan florbukedon*
*por oferi ĝin al vi, Sinjor', tutmodeste!!*

Rabindranath Tagore forpasis en la jaro 1941, en Santiniketan (Hindio), kie li pli ofte loĝadis, lia alta kvalito kiel verkisto kaj poeto plenplene meritas neniam forgesi lin, kvankam estu tiel modeste kiel mi nun elvokas: En mia memoro Tagore eterne vivos kiel kreanto de beleco!

***Antonio Marco Botella***

# TELESKOPO. INTERNACILINGVA SCIENCA REVUO

*Ĉu vi scias ke ekzistas scienca revuo, kiu aperas nur rete, de kiu jam aperis tri numeroj kaj estas eldonata en Esperanto? Mi surpriziĝis kiam mi legis ambaŭ numerojn. Kaj nun, S-ro Dominique Vieira, afable respondas al niaj demandoj.*

Saluton, S-ro Dominique. Dankon por akcepti la intervjueton por niaj legantoj de la hispana bulteno "*Boletín*".

**Juanjo:** Ĉu vi povas rakonti kio estas "Teleskopo"?

**S-ro Dominique:** Teleskopo estas scienca revuo publikigita en Esperanto kaj disponebla surrete tute senpaga kaj elŝutebla el kie ajn lokoj ĉar la mondo.

**Juanjo:** Teleskopo, inter aliaj aferoj, montras la universalecon de Esperanto. Ĉu vi kredas, ke Esperanto estas bona lingvo por paroli kaj esprimi sciencajn fakojn, sufiĉe preciza gramatike, riĉa je signifoj, ktp?

**S-ro Dominique:** Esperanto ne plu estas projekto de lingvo, ĝi estas viva kaj jam funkcias kiel la aliaj lingvoj. Ĝi estas inter la plej uzataj lingvoj de interreto, ekzemple. Eblas paroli pri kio ajn vi volas en Esperanto: poemoj, muzikoj, teatraĵoj, literaturo, sekso kaj, kompreneble, scienco. Ju pli Esperanto vivis, des pli ĝia vortprovizo kaj kulturo kreskis. Nunatempe, la lingvo estas kiel la aliaj, ekcepte ĉar ĝi ne estas nacia lingvo kaj, pro tio, ne privilegias popolon aŭ lando ekskluzive. Sed, kiel ĉiuj lingvoj, ĝi havas nuancojn, problemojn, disputojn, riĉecojn, belecojn, ktp. Se oni rememoras tion, facile oni havas la demandon: jes, eblas esprimi sciencajn fakojn kaj paroli pri kion ajn vi havas intereson.

**Juanjo:** La pasintan semajnon, mi promenis tra strato en mia urbo, kaj mi vidis panelon de la Aŭtonoma Komunumo kiu rakontis pri infanino kiu deziras, kiam ŝi estos plenaĝa, esti sciencistino. La panelo finiĝas, kaj en ĝia fino aperas la frazon: "Nun, ŝi povos, ĉar dum la infan-lernejo kaj mez-lernejo ŝi lernos ankaŭ en la angla lingvo". Kompreneble, mi pensis pri nia lingvo, Esperanto, kaj mi opinias ke "batali" kontraŭ la angla, ĝenerale, estas malfacile, kaj pli malfacile estas batali en la "kampo" de scienco, kie la diversaj prelegoj, revuoj, informoj, ktp, estas en la angla. Ni ne povas forgesi ke la angla lingvo, nun, estas la reala "universala lingvo", speciale en sciencaj

fakoj. Ĉu vi opinias ke Esperanto havas kaj havos ŝancon en la sciencaj aferoj?.

**S-ro Dominique:** Laŭ mia opinio, esperantistoj estas tre zorgemaj pri la angla. Mi pensas ke estus plibone se ni parolos pli nian lingvon kaj divastigu la ideon anstataŭ doni tro da atencon al tiu ĉi lingvo. Mi kredas ke estas tempo por ke ni partoprenu de nia mondo, oni ne devas nur paroli pri Esperanto, sed uzi ĝin praktike. Se oni faras tion, personoj vidos la eblon kaj la uzojn realajn de la lingvo kaj ne plu pensos pri ĝi nur kiel teorio. Kompreneble, ozakas diversaj oportunoj kiam personoj povas legi pli da tekstojn kaj paroli pri scienco kun pli da homoj se ŝi aŭ li parolas la anglan. Tamen, kelkfoje okazas ke la plej faka ulo de la kampo studata de vi parolas nur la japanan, la germanan aŭ eĉ 3 lingvojn kaj la angla ne estas inter ili. Dum aliaj momentoj, vi povas uzi la anglan plene, tamen kelkaj gravaj verkoj ankoraŭ ne estis tradukitaj, ekzemple, el la germana al la angla, aŭ el la franca, ktp. Ankaŭ okazas ke la tradukoj ne estas bonaj aŭ ne utilas se vi bezonas mencii aŭ studi la verkon originalan. Iu, kiu studus, ekzemple, la historio de la scienco kaj estus interesata pri la italaj verkistoj dum la renescanca epoko kaj pri kio ili konsideris aŭ ne "faka" aŭ "klera" afero, certe bezonos legi la italan aŭ la latinan. Estas grava literaturo pri tio ankaŭ en la angla, sed, certe, oni ne povas kaj ne faros bonan laboron ne legante la italan, ekzemple. Pri Esperanto, oni devas publikigi pli, uzi ĝin kiel reala lingvo por verki pri scienco, meti resumojn ankaŭ en Esperanto en niaj fakaj verkoj, mencii sur niaj vivresumoj (curriculum vitae) ke ni parolas ĝin ktp. Kompreneble, Esperanto havas oportunon, oni devas nur ĉesi nur teoriumi pri ĝi kaj vere uzi ĝin en la reala mondo. Ankaŭ ĉesi nur kvereli kaj plendi kontraŭ la angla. Anstataŭe, ni uzu Esperanton pli kaj pli.

**Juanjo:** Kiom da kunlaborantoj nuntempe kun laboras en "Teleskopo"? Ĉu ili estas specialiĝantaj en iu konkreta fako aŭ ili kunlaboras pri diversaj temoj?

**S-ro Dominique:** Ili estas ĉirkaŭ 20 personoj, kiuj partoprenas kaj helpas diversmaniere. Ĉiuj estas specialistoj pri io. Se iu volas kontroli kion ili studas, tio eblas sur la paĝo de Teleskopo. Estas nur klaki ĉe "redakta teamo" kaj legi la informojn disponeblajn. Se temas, tamen, pri la verkistoj, ili estas diversaj kaj el multaj landoj. Ĉiuj sciencistoj (eĉ ne esperantistoj) povas sendi artikolojn por, se ili taugas, esti publikigitaj. La artikoloj devas nur esti sciencnivele verkita kaj, kompreneble, en Esperanto.

**Juanjo:** Kion "Teleskopo" bezonus por disvastigi la revuon inter la geesperantistoj?

**S-ro Dominique:** Reklamon! Neniam mi faris tion grandskale. Mi nur publikigas la revuon kaj pli kaj pli la laboro komencas esti agnoskata. Sed mi kredas ke se diversaj esperantaj radioj, ĵurnaloj kaj aliaj medioj reklamus ĝin, ĝi estus pli divastigata. Mi tre ŝatus, ekzemple, vidi reklamon pri Teleskopo ĉe la paĝaro de Lernu, Libera Folio, aŭ ĉe la paĝo de UEA, ekzemple. Mi mem ne havas nek tempon nek monon por labori pri reklamado de la revuo, mi nur

povas zorgi ĝin, eldoni la numerojn ĉiu jaro ktp. Ĉi tio ja bezonas tempon kaj iomete da mono.

**Juanjo:** Ĉu vi kredas ke iu sciencisto, kiu ne estas esperantisto, povus interesiĝi pri Esperanto kiam li vidos kaj havos en siaj manoj "Teleskopo"n?

**S-ro Dominique:** Tio ĉi povas okazi, sed neniam mi pensis pri tio kiam mi kreis la Revuon. Mi ne havis intencon uzi ĝin por reklami Esperanton. Okazas ke por mi esti optimismaj pri la futuro kaj helpi en la investo kaj esplorado?

**S-ro Dominique:** Scienca esperanta revuo ne povas helpi al ni esti optimismaj pri la futuro. Revuoj kiel Teleskopo povas esti utilaj por helpi la komunikadon inter personoj kiuj parolas malsamajn lingvojn. Tamen, imagu, kiom da sciencistoj ekzistas? Inter tiu ĉi grupo, kiom parolas Esperanton? Estas subgrupo en la socio. Kiam ekonomia krizo okazas, la unuaj kiuj suferas ĉiam estas scienco, teknologio, arto, ktp. Mi vidis



# TELESKOPO

Internacilingva Scienca Revuo

Esperanto estas lingvo por uzi en la praktika mondo, do, kial ne revuo pri scienco? Estas Sciencistoj kiuj parolas Esperanton, kie ili publikigas iliajn verkojn? Kiom da sciencaj revuoj kiuj akceptas Esperanton kiel lingvo ekzistas surrete? Ĉu ili estas senpagaj? Ĉu ili estas elŝuteblaj? Mi pensis pli pri tio kiam mi decidis fondi Teleskopon. Kompreneble, se iu ajn havos intereson pri Esperanto ĉar tiu ĉi persono trovis ĝin en Teleskopo mi estos kontenta, sed tio neniam estis mia celo.

**Juanjo:** Nun, pro la ekonomia krizo, entreprenoj kaj Estraroj dehaki investojn pri esploroj en scienco kaj teknologio, kune kun Esperanto, povus aperi ke ne estas bona kombino, kvazaŭ oni estus elspezanta tempon kaj monon. Do, en kiu maniero scienca esperanta revuo povus helpi al ni por problemon pasintsemajne en Italujo, kie teatra grupo estis laboranta por travivi kontraŭ la krizo kaj manko de mono ĉar nun, pro la krizo, ili, kiuj jam ricevis malsufiĉan kvanton da mono, ne povas kalkuli plu kun la monhelpo el estraro. La estraro diris ke "Arton oni ne manĝas". Dum kuntekstoj kiel tiuj ĉi, kiel mi povas pensi pri subgrupa revuo de subgrupa parto de la socio povas helpi la futuron, la investon ktp? La problemo estas kiom da valoro oni donas al nia eduksistemo.

Ni kore dankas al S-ro. Dominique pro liaj respondoj kaj ni deziras sukceson al la revuo "Teleskopo".

Dankon!

Rememoru: www.teleskopo.com

***Juanjo***

# FORPASIS VETERANA ZARAGOZA ESPERANTISTO

La pasinta monato (la 26-an de majo) forpasis en Zaragozo la veterana esperantisto José Miguel Filera Gil. En la ceremonio de la enterigo ĉeestis pluraj gesamideanoj de la E-Centro "Frateco" por adiaŭi lin, sed ni konsideris tion ne-sufiĉa kaj kunvokis eksterordinaran kunvenon por omaĝi lin

Efektive, la 14-an de junio je la sepa vespere, ni kunvenis en la sidejo de nia E-Societo "Frateco" kie la Prezidanto, s-ano Lorenzo Noguero, elvokis la figuron de nia s-ano José Miguel kaj lia laboremo kiam estis komitatano de nia E-societo. Tuj sekve estis la secretario, s-ano Enrique Navarro, kiu legis laŭdajn profilojn de nia forpasinta samideano.

Fine, s-ano Antonio Marco, prezidanto de "Fundación Esperanto" legis poemon speciale dediĉita al nia s-ano kaj amiko, kiu diras:

Romanco memore al s-ano José Miguel Filera.-

*Forpasis nia samideano Filera*
*ĉiam de mi tiel alte estimata,*
*veterana esperantisto longjara,*
*honesta, laborema, fidela,*
*kiun ni plezure rememoros*
*kun vera korsento amikeca.*

*Amiko José,*
*al mia memoro nun venas*
*tiuj tre malproksimaj tagoj*
*kiam mi iris al via tajlorejo*
*por transdoni al vi en mano*
*la tiama aperinta HEF-bulreno*
*kiun vi ricevis kiel regalo.*

*Poste venis via emeritiĝo*
*kaj vi fariĝis komitatano,*
*via kunlabor' mankis neniam*
*vi tion faris kun entuziasmo,*
*pro tio ni la "fratecanoj"*
*estimas al vi en alta grado.*

*De nun via spirito aperta*
*promenos tra l' Kosm' senlima*
*kun la iamaj gravaj esperantistoj*
*kiuj elstaris en tagoj pasintaj,*
*pioniroj pri homamaj idealoj*
*kiel vi idealist' esperantista!*

*Amik' Filera,*
*por eterne restos vi en  nia koro,*
*por eterne estos vi en nia memoro!*

***Antonio Marco Botella***

# MUZIK-FESTIVALO "Periferias"

La muzika festivalo "Periferias", de Huesca, kiu okazos en la aragona urbo de Huesca (Osko), fine de oktobro, invitis du esperantistajn artistojn partopreni en ĝi. La 29-an kantos Martin Wiese, eksa kantisto de la grupo "Persone", kaj kiu antaŭnelonge eldonis albumon "Pli ol nenio". La antaŭan tagon ludos la diskĵokeo Roger Borges, brazilano loĝanta en Hispanio.

La esperantisteco reliefe aperas en la retejo de la Festivalo, kaj en pluraj novaĵoj pri ĝi. www.periferias.org/

# PROJEKTO *BITOTEKO*

**Enkonduko**

La Projekto Bitoteko fontis el duobla konstato: unue, ke la Biblioteko Juan Régulo Pérez (BJRP) ne povas multe pli kreski ene de la mallarĝaj limoj de la asocia sidejo kaj due, ke la hodiaŭaj teknologioj, kiel neniam antaŭe, permesas plenumi la duoblan celon de ĉiuj esperanto-bibliotekoj: faciligi la aliron de la uzantoj al siaj dokumentoj kaj konservi nian komunan kulturan heredaĵon.

Se la unua fakto, t.e., la manko de spaco draste limigas la eblecon de bibliotekoj kreskadi per tuŝeblaj materialoj, la dua, male, donas la ŝancon disponigi en la reto, post ĝia oportuna bitigado kaj organizado, parton de la jamaj dokumentoj –tiujn ne plu sub aŭtor-rajtoj– kaj ankaŭ tiujn kreitajn rekte en bita formato.

Paralele, do, al la plua mastrumado de sia, ni diru, "tradicia biblioteko", HEF proponis la kreadon de kroma "bita biblioteko". Jen tiel statis la afero, kiam ni komencis labori per dokumentoj el BJRP. Sed eklaborinte, ni konsciis pri tio, ke multaj similaj projektoj certe jam aperis en la movado: kial ne, do, labori kune kun aliaj samideanoj? La nunaj teknikaĵoj tion ebligas. Ĉu ne oportune plene malfermi la projekton al aliaj institucioj, tiel ke la Bitoteko estu konsiderata projekto ne de HEF, kvankam iniciatita de ĝi, sed de la tuta esperantistaro? Ni pensis, por komenci per realisma atingebla celo, unue pri la iberiaj organizoj. Poste, –aŭ samtempe, se la afero glate funkcios– eblus, pli ambicie, proponi ĝin al la cetera Esperantujo. Ni konsideru, ke multaj Esperanto-bibliotekoj kaj asocioj havas valoran bibliografian materialon indan je konservado kaj diskonigo, kaj ke per kunlaboro ni povus kompletigi kolektojn –ofte disajn kaj mankajn, ĉefe se temas pri malnovaj eldonitaĵoj– kaj proponi al interesatoj kaj esploristoj kiel eble plej ampleksan kaj riĉan datumbankon.

Cetere, unika deponejo de komune konstruita bibliografia kolekto konsiderinde faciligos la trovon de esperanto-dokumentoj kaj donos, se bone strukturita, koheran bildon de nia bibliografia produktado. Kaj ni ja disponas la profesian informadikan infrastrukturon kaj la bibliotekistan gvidon bezonatajn por disvolvi ĉi projekton internaci-skale. Nun, kiam tiu infrastrukturo pretas kaj la baza organizado de la tuta afero povas kontentigi almenaŭ minimume la atendojn de eventualaj kunlaborantoj, venas la momento diskonigi la projekton kaj inviti vin ĉiujn partopreni.

Fakte la projekto jam prezentiĝis kadre la 70a Hispana Esperanto-Kongreso en Sankta Laŭrenco Eskoriala (San Lorenzo de El Escorial). Eblas spekti la registritan videon de la programero kaj ĵeti rigardon al la bildaroj uzitaj dum la prezentado. Trovu tiujn dokumentojn en la Bibliotekistejo aŭ rekte en la Bitoteko.

Kaj vidu ĝian skizan prezenton sur bildo 1.

Projekto tia estas vera defio de kunordigo, kaj –ĉar tiel ampleksa– konsilindas realigi ĝin paŝon-post-paŝe, per fiksado de sinsekvaj malgrandaj celoj, kies plenumado konduku nin al la fina realigado de la projekto.

**Celoj**

Fina celo estas konstrui inter ĉiuj, laŭ profesiaj kriterioj, kiel eble plej ampleksan




*Bildo 1. Bitoteko-skemo*

bibliografian datumbankon kapablan konkurenci kun similaj profesie kreitaj bitdeponejoj, kompletigante tiel la diversajn kolektojn de ĝisnunaj eldonitaĵoj.

Por tio ni bezonas plenumi ĉi partajn celojn: unue, konservi kaj doni aliron al bitigitaj dokumentoj jam ekster aŭtor-rajtoj troviĝantaj en esperantistaj bibliotekoj aŭ asocioj; due, konservi kaj doni aliron al ĉiam pli abundaj denaske bitaj dokumentoj; kaj trie, engaĝi aliajn bibliotekojn, asociojn kaj esperantistojn, kiuj provizu dokumentojn kaj –multe pli grave– laborforton.

Certe grupoj kun longa historio disponas abundon da interesa bitigenda materialo. Kaj certe ankaŭ ekzistas samideanoj al kiuj plaĉas la ideo kunlabori en projekto kies sukceso plifaciligos la aliron de reserĉistoj kaj aliaj interesatoj al la valoraj havaĵoj de nia kulturo.

En ĉi bitdeponejo trovu sian lokon, do, jen bitigitaj dokumentoj jen dokumentoj origine bitaj el kiuj la plej abundaj specoj sendube estos gazetoj, libroj, fotoj, videoj, sonregistroj, kaj gazet-eltondaĵoj, sed kie poiome kolektiĝos ankaŭ mapoj, partituroj, afiŝoj, arkiv-dokumentoj kaj alispecaj kuriozaĵoj.

**Teknikaj postuloj**

Kvankam la projekto unuavide estas bibliotekeca ĝi tute ne povintus realiĝi sen la intima interrilato de bibliotekaj kaj informadikaj rimedoj. Kaj granda parto de la ĝisnunaj penoj estis dediĉitaj al la starigo de tiuj nepraj teknikaj kondiĉoj.

**Servilo**

Unua nepraĵo estis servilo daŭre stabila kaj kapabla gastigi la espereble ĉiam pli kreskantan datumbankon kaj kiu permesu

rektan aliron al la maŝino por fari la necesajn agordojn. Tiu, kie longe gastis nia retejo, ne plu plenumis tiujn kondiĉojn. HEF decidis, do, migri al virtuala servilo en la internacia plene testata firmao 1&1. Tamen, pruntita servilo en amika entrepreno taŭgis por instali la provizoran provprogramon kaj testi la taŭgecon de la elektita bitoteka mastrumprogramo.

Loĝado ĉe la nova servilo kostos al HEF ĉirkaŭ 600 € jare.

**Mastrumsistemo**

Due, ni bezonis programon kiu permesos katalogi la dokumentojn per profesieca rigoro tiel ke ili estu poste facile troveblaj. Ni studis diversajn liberajn senpagajn programojn kaj decidis ke DSpace kontentige plenumas tiujn bezonojn.

DSpace estas mastrumsistemo por instituciaj bitdeponejoj kreita de MIT Libraries (Massachusetts Institute of Technology) kaj Hewlett-Packard (HP) en 2002. Ĝi distribuiĝas sub *Open Source Licence* (BSD Berkeley Software Distribution) kaj estas libera programo kun certaj limigoj ne inkluditaj en la GNU GPL licenco, kiu ja permesas la uzadon kaj modifon de la fonto-kodo kaj la komercan uzadon de la programo. Ĝi baziĝas sur merkataj standardoj: JSP, kaj la duuma kodo Java kompilita per konataj iloj, Maven kaj Apache Ant, kaj servata pere de la program-servilo Tomcat.

Ĉiuj tiuj iloj estas vaste uzataj en la mondo kaj facile uzeblaj de ajna profesia teknikisto. Niakaze, ni faris malgrandajn modifojn en ĝia aspekto kaj funkciado, surbaze de dokumentaro kaj aliulaj spertoj troveblaj en la Reto.

DSpace allasas ĉiajn materialojn: tekstajn dokumentojn, bildojn, sonregistraĵojn, videojn... La bibliografiajn rikordojn oni redaktas per la metadatuma skemo Dublin Core. Ĝi ebligas migradon al formatoj IFF, SGML, XML, AIFF, PDF sed ne garantias migradon al neliberaj formatoj kiel Microsoft Word, PowerPoint, Lotus 1-2-3 aŭ WordPerfect.

Aliaj kapabloj de DSpace gravaj por nia projekto estas: indeksado de dokumentoj, kontrolo kaj superrigardo de la laboro per difino de laborfluoj, kapablo mastrumi Unuformajn Risurcajn Identigilojn (URI), kiuj rolas kiel normaj identigiloj de la rikordoj ligitaj al ĉiu dokumento. La programo ebligas informi ankaŭ pri la koncernaj aŭtorrajtoj. La laboro fareblas el ĉiu fizika loko konektita al la Reto, pere de –ne gravas kiom granda– teamo de kunlaborantoj.

Kvankam la programo estas senpaga, dungado de la URI-servo kostos ĉirkaŭ 60 € jare. Baldaŭ ni okupiĝos pri tiu temo, tiel ke la avantaĝoj de ilia uzado estu profiteblaj kiel eble plej baldaŭ.

DSpace organiziĝas laŭ komunumoj (fakte fakoj, ni devas poluri la tradukojn) kaj eblaj subfakoj kaj kolektoj. Serĉado eblas ene de la tuta datumbanko, ene de difinita fako aŭ ene de kolekto. Eblas ordigi la rezultojn laŭ diversaj kriterioj: dato (de la plej malnova ĝis la plej ĵusa aŭ male) kaj alfabetorde je titolo, aŭtoro aŭ fakvorto. En la plej vasta serĉebleco, rezultojn oni trovas ne nur en la bibliografia rikordo, sed en la teksto de la dokumento mem, kondiĉe ke ĝi estas teksta, ne bilda. Tio, memevidente, malfermas grandajn perspektivoj al studemuloj de nia kulturo. Kaj laste, sed ankaŭ grave, ĝi permesas identigi la

institucian originon de ĉiu dokumento.

La lingvo de la datumbanko estas, kompreneble, Esperanto, sed la konsult-interfaco povas esti dulingva: provizore en Esperanto kaj la hispana. Ni studas la eblon aldoni pliajn lingvojn.

Ankaŭ provizore, aperas nur HEF kiel respondeca institucio, sed eblas aperigi sur la ĉefpaĝo la nomojn de aliaj kunlaboraj organizoj.

Jen la naskiĝanta datumbanko: http://bitoteko.esperanto.es

**Skanilo**

Trie, ni konsideris diversajn eblojn organizi la bitigadon. La unuajn provojn la kunlaborintoj faris per la skanilo HEF-eja kaj per siaj propraj hejmaj skaniloj. Komence tio sufiĉis por malmultpaĝaj dokumentoj, sed en la kazo de kunbinditaj revuoj kaj libroj kun rigidaj bindaĵoj tio montriĝis nesufiĉa ĉar, se oni respektas la integrecon de la dokumento, la kvalito de la skanaĵo estas tre malbona. Male, por atingi kvalitan skanaĵon, oni devus detrui la bindaĵon, kio –kompreneble– ne estis prenita en konsidero ĉefe ĉar BJRP posedas, ĝenerale, nur po unu ekzempleron de ĉiu titolo.

Ni do informiĝis pri bitig-entreprenoj. Sed tiuj, kiuj uzas profesiajn skanilojn celas grandajn klientojn kaj tre multekostas. Kaj tiuj kiuj bitigas po-malgrande ne okupiĝas ĝenerale pri libroj kaj, cetere, ne garantias la prizorgon de la originalo. Ni devis do traserĉi alian solvon. Kaj ŝajne la plej bona estas la aĉeto de skanilo specifa por libroj, tre simila al la normalaj sed kun la aparteco, ke la vitro alvenas ĝis la rando. Ni trovis en la merkato unu sufiĉe altan por ke la libro-spino falu, tiel ke la bildo ne kreiĝu misformita kaj, cetere, ties programaro permesas krei plurpaĝan pdf-on kaj mastrumi la orientiĝon de ĉiu paĝo (tio permesas labori rapide simple renversante la libron sen la neceso mane turni la bildon).

La estraro de HEF jam aprobis ĝian aĉeton (ĉirkaŭ 460 €) kaj baldaŭ ni akiros la maŝinon. Provizore, ni plu prilaboras la ankoraŭ restantan bitigeblan materialon per la jamaj skaniloj. Sed la ekzisto de tia ilo kaj la certo, ke ni povos aĉeti ĝin kiam bezonate garantias la estontecon de la projekto.

**Tekstorekonilo**

Paralele, ni studis la uzadon de tekstorekonilo por profiti unu el la ĉefaj trajtoj de DSpace: la eblon traserĉi en la dokumentaj tekstoj kaj tiel faciligi la laboron al eventualaj esploristoj. Tio farus la kolekton laŭeble alireblaj ankaŭ por blinduloj, kaj estus ja vera kronado de la projekto, sed ne tuje ni povos entrepreni tiun fazon, ĉefe pro manko de homfortoj. Sed ni ne rezignas pri la ideo, nur prokrastas ĝin provizore ĝis alvenos pli oportuna momento.

**Farendaj taskoj**

Jen, ĝis nun, la teknikaj postuloj. Sed la projekto bezonas ĉefe homajn penojn. La nepraj taskoj rilate al bitigado de paper-dokumentoj estas jenaj: elektado de la bitigendaĵoj (sub interkonsento pri tio, kiu institucio bitigos kion, por malhelpi nesisteman laboron kiu eventuale rezultigos maltrafon de bitigienda materialo aŭ la plurfojan bitigadon de la sama materialo far diversaj homoj); skanado kaj pdf-igado de la teksta materialo (sekvante la donotan instrukciaron por ke la rezulta kvalito de la datumbanko estu laŭ eble homogena); alŝuto de la bitdokumentoj en DSpace (laŭ la difinota laborfluoj kiuj ebligos

superrigardon kaj laborkontrolon); kaj la katalogado de la dokumentoj (laŭ internacia bibliotekista normaro por pluteni la profesiecan valoron de la datumbanko).

Rilate al bitigado de son- kaj video-dokumentoj, la taskoj estas esence la samaj, krom la apartaj teknikoj bezonataj por ĉi analogaj materialoj.

**Homaj bezonoj**

La projekto bezonas homojn, kiuj laŭ siaj ebloj kaj ŝatoj kunlaboru en la supre menciitaj taskoj. Estos bonvenaj ankaŭ helpaj komputilistoj kaj tradukantoj.

Sed, ĉefe, ni bezonas scii ĉu vi jam entreprenis similan projekton kaj ŝatus kunigi fortojn.

Nepras granda laboro de kunordigo kaj interkonsento pri pluraj aferoj, kaj tiucele ni kreos forumon, kiu permesu al la kunlaborantoj facilan interkontakton.

Kaj certe estas jam multaj bitigitaj dokumentoj dise en multaj lokoj, eble ne en la plej konvena formato, sed kiuj povus jam provizore aliri la kolekton. Eventuale estonte ni povos anstataŭigi ilin per pli kvalita bitigaĵo.

**Kiel disvolviĝis la projekto ĝis nun**

Sekva natura paŝo de BJRP, post la enretigo de ĝia katalogo, estis doni retaliron al la dokumentoj mem. Tio signifas, do, bitigi parton de la kolekto –tiun ne plu sub aŭtorrajtoj kaj kies bitigcela manipulado ne endaĝerigas la koncernan materialon– kaj proponi ĝin al la esperanta komunumo kaj al kiu ajn interesito pri nia kulturo, pere de

Ĉu ekzistas organizita plano?



- **1a fazo: sep. 2009 – feb. 2010**
  - Konstato de la bezono krei ĉi retservon.
  - Starigo de la unua kunlabora skipo.
  - Serĉado de taŭgaj servilo kaj mastrum-programo.
  - Skanado de la unuaj bibliotekaj dokumentoj.
- **2a fazo: feb. – dec. 2010**
  - Plua skanado de dokumentoj.
  - Testado de la programo.
  - Alŝuto kaj katalogado de la unuaj dokumentoj en la provsistemo.
- **3a fazo: 2011**
  - Pretigado kaj ekuzo de la definitiva bitoteka programo.
  - Prezentado kadre de la Hispana Esperanto-Kongreso.
  - Publikigo de la datumbazo.
  - Diskonigo de la projekto kaj invito al aliaj grupoj partopreni.
- **4a fazo: ekde 2012**
  - Redaktado de labor-protokolo por kunlaborantoj.
  - Organizado de la laboro laŭ skipoj kaj laborvojoj.
  - Fakta kaj daŭra funkciado de la Bitoteko.

*Bildo 2. Kalendaro*

taŭga ilo kiu faciligu ĝian trovon.

Estas nature ankaŭ do, ke la jamaj prizorgantoj de la biblioteko kaj retejo entreprenu ĉi duan paŝon. Ili konstituis la una skipeton kiu antaŭenpuŝis la projekton per starigo de strategia plano, difino de bezonoj, serĉado kaj testado de programoj, kaj kunordigado de la ceteraj kunlaborantoj.

Cetere, la bitigado de la HEF-kolekto de gazet-eltondaĵoj kaj la kreado per ili de baza retalirebla datumbanko (kion ni povas konsideri la ĝermo de la ideo) donis tre kontentigan rezulton kaj instigis nin plu labori en la saman direkton.

En la komenco, la laboro baziĝis sur du paralelaj agadlinioj: disvolvo de la teknikaj rimedoj kaj proceduroj, kaj laŭorda bitigado kaj katalogado de kiel eble plej multaj dokumentoj.

Trovu sur bildo 2 la plan-kalendaron, kiun ni ŝatos plenumi.

La projekto startis per la kunlaboro de manpleno de madridaj esperantistoj kaj ekde la komenco ĝi kalkulis je la plena apogo de la HEF-estraro.

Unue ni bitigis la nunan bultenon (*Boletín*) kaj kelkajn historiajn revuojn eldonitajn de la hispana movado (*La suno hispana, Hispana Esperanto-gazeto*, kaj similajn). Poste, ni okupiĝis ĉefe pri la libroj eldonitaj en Hispanio ĝis pli-malpli la kvindekaj jaroj de la pasinta jarcento. Ne ĉio bitigita estas jam alŝutita al la datumbanko.

Ĝis nun, la labormetodo estis ĝenerale jena: regule –unu fojon monate, pli malpli– okazis laborkunsido en la HEF-ejo. Tiam oni taksis la laboron faritan dum la pasinta periodo, planis la laboron por la sekva kaj disdonis taskojn inter la kunlaborantoj. Ĉiam protokolo pri la kunsido estis redaktita kaj ĝin ricevis ĉiuj kunlaborantoj, ankaŭ neĉeestintaj, por ke ĉiu engaĝito estu akurate informita pri la disvolviĝo de la afero.

**Kiel ni esperas ke la projekto disvolviĝos**

Estonte la afero funkcios esence same. Tamen depende de kiom da skipanoj aliĝos al la projekto kaj de kie ili loĝos, la proceduro iĝos ĉiam pli virtuala, t.e., kontaktoj estos ĉiam pli perretaj.

Tia kunlaboro nepre implicas respekti la regulojn, kiujn ni kune proponos kaj komune akceptos por disvolvi la projekton, kaj tiel laŭeble malhelpi la problemojn ŝprucantajn el dista kaj reta komunikado kaj el la malfacilo ĉeeste kunsidi. Tamen, tiuj malfacilaĵoj ne senkuraĝigu nin: kunlaborantoj povos ĉiam kalkuli je gvidaj laborprotokoloj kaj je la konstanta helpo de la kunordigantoj. Tiuj kunordigantoj estos, same kiel ĝis nun, Miguel Ángel Sancho (esperanto@esperanto.es) kaj Ana Manero (biblioteko@esperanto.es), kiuj respektive responsos pri la informadika kaj biblioteka flankoj de la projekto kaj estos ĉiam je via dispono rete kontakteblaj. Kaj al kiuj vi povas jam retmesaĝi se vi deziras kunlabori aŭ peti pliajn informojn pri la afero.

Kiel vi vidas, temas pri tre ampleksa kaj ambicia projekto, kies realigado postulas multe de laboro, sindediĉo kaj entuziasmo. Kunlaboro estas ĝia esenco. Bele, se multaj samideanoj emus kunkonstrui nian esperantan Bitotekon!

***Ana Manero***

***Biblioteko Juan Régulo Pérez***

***Hispana Esperanto-Federacio***

# PEĈAKUĈO EN LA 70A HISPANA KONGRESO

La unuan fojon okazis prelegaro laŭ formo peĉakuĉo [1] en esperanto-kongreso, kaj tiu honoro jam apartenas al la 70a HEK en El Escorial.

Resume, peĉakuĉo estas maniero prezentado tre rapida, en kiu sinsekvo de prelegantoj parolas pri diversaj temoj, ĉiu dum maksimume 6 minutoj kaj 40 sekundoj por preleganto. La kialo de tiu specifa tempo, estas ke oni utiligas po dudek bildojn, kiuj ilustras la temon, kaj kiuj pasas aŭtomate, kun daŭro de po 20 sekundoj ĉiu bildo. Do, prelegantoj havas apogon por la parolado, sed samtempe ili ne povas tro multe plilongigi sian eksplikon, ĉar la limon difinas ekstera proceduro. Diversaj prezentoj sin sekvas, kun fiksita tempolimo por ŝanĝi la preleganton sur la podio.




La eskorialan peĉakuĉon partoprenis sep kongresanoj, kiuj prelegis pri tre diversaj temoj: Tonyo del Barrio, pri laboro en atomcentralo; Jorge Camacho, pri verkado de poemoj; Manuel Pancorbo, pri la ora proporcio (aŭ "fi" numero) en la verda stelo;




Ana Manero prezentis sian pentro-hobion kaj siajn pentraĵojn; Jorge Pavón, pri la operaciuma sistemo Ubuntu; Robert Bogenschneider prezentis la finnan urbon Pori; Alejandro Pareja, pri urbaj legendoj. Entute 45 minutoj da prelegoj, sed prezentitaj per tre vigla maniero.

La rezulto estis tre sukcesa, laŭ mi, ĉar la celoj estis atingitaj: unue, prelegigi homojn ne alkutimiĝintajn tion fari, apud aliaj spertuloj (kiel Tonyo kaj Jorge Camacho), kun tre bonkvalita rezulto; kaj due, distri la kongresanojn per interesaj netedaj prelegoj. Pri tiu lasta atingo atestas la reago de unu interreta ĉeestanto, kiu ne nur ne enuis, sed opiniis ke

la ritmo estis diabla kaj kor-infarktiga! Post la prezentoj ekestis mallonga debato kun demando de ĉeestantoj al prelegginto.

Mi esperas ke en venontaj alvokoj partopreni peĉakuĉon, multaj pliaj interesiĝos.

***Manolo Pancorbo***

1. http://es.wikipedia.org/wiki/Pecha_Kucha

*Jorge Camacho*

***Kiel verki poemon***

*Mi bezonis ideon por ekverki poemon*
*do mi prenis la Parnasan Gvidlibron*
*kaj laŭ ĝi mi priversu blasfemon, haremon,*
*krizantemon, zingibron, kolibron.*
*Sed mi fajfas pri rimoj, pri metriko klasika,*
*pri kalkul' de akcentoj, silaboj.*
*Mi preferas ludi per vortoj,*
*ludi per bildoj, konceptoj,*
*demandojn starigi sen ajna respondo.*
*Cetere poemo, eĉ kurta, bonvolu enhavi neologismon,*
*kaj, se eble, ankaŭ gloson, por recenzistoj kaj historiistoj.*
*Krome apostrofon, sed tiun mi jam metis*
*sur la sesa verso, kvazaŭ seme.*
*Aliteraciojn , sonripetojn, ĉion verŝu*
*en la verson.*
*En la verson (ver' kaj son')*
*jen verŝu*
*universon.*
*Kaj ne forgesu subskribi ĝin,*
*titoli, dati*
*kaj prezenti al publiko ĉu senpere*
*ĉu sur paĝoj libraj.*
*Amen.*

*GLOSO*
*dirta: malpura.*
*Madrido, 8.6.2011*

# 150.000 ARTIKOLOJ EN LA ESPERANTO-VIKIPEDIO

En dimanĉo, 7-a de aŭgusto 2011, la Esperanto-vikipedio (http://eo.wikipedia.org) atingis la nombron de 150. 000 artikoloj. Per tio, la enciklopedio en la internacia lingvo havas 27 inter la diverslingvaj versioj de , tuj post la araba kaj la dana eldonoj de reta verko.

400.000 paĝorigardoj ĉiutage

La multe helpas al la uzado de Esperanto, flanke de parolantoj en pli ol 120 landoj de ĉiuj kontinentoj, kaj al ilia kleriĝo. Ĝi estas ofte konsultata paĝaro kun ĉiutage pli ol 400. 000 paĝorigardoj. Tiurilate ĝi tenas lokon 34 inter la -versioj.

Angla en Esperanto

Aldone al la ekzistas en Esperanto maŝine tradukita versio de la anglalingva Vikipedio, Wikitrans, epo.wikitrans.net/, kiu havas pli ol tri milionojn da artikoloj. Kvankam maŝine tradukita, ĝi estas relative bone komprenebla kaj servas al multaj Esperanto-parolantoj.

Maŝintradukado kiel helpo por la -kreskigo

Maŝinaj tradukoj helpas ankaŭ en la plua ellaboro de la vikipedio. Ekzistas du specialaj paĝoj, kiuj subtenas la kreadon de novaj artikoloj, GramTrans http://gramtrans.com/editor/ kaj Vikitradukilo http://vikitraduko.saluton.dk:8080/vikitraduko/

**Lu Wunsch-Rolshoven - EsperantoLand**

# ESPERANTA RETRADIO, GRAVA EBLO POR RETAJ LERNANTOJ

esperanta retradio

*Ĉu vi konas Esperantan Retradio? Tiu ĉi estas jam delonge retradio kiu reviviĝis en la komenco de ĉi tiu jaro. Sro. Anton Oberndorfer, kiu direktas ĝin komentas tiun periodon en la suba artikolo.*

Kvankam pere de la esperantaj retradioj eblas ekzerciĝi pri la prononco de nia lingvo,ili donas nur la eblecon aŭskulti tekstojn sed sen ebleco vidi ilin skribitaj.



*S-ro Anton Orbendofer*

Nun la aŭstro Anton Oberndorfer kreis "Esperanta Retradio", en kiu li proponas ĉiutage mallongan paroladon pri diversaj temoj. La avantaĝo estas ke en la retpaĝo, aldone al la sona aŭdado de la teksto, troviĝas tiu teksto laŭ skriba formo, kio estas tre efika por ekzerciĝado de la prononco.

Fakte ja fine de aŭgusto finiĝos la unua duonjaro de la reaktivigita Retradio, duona jaro dum kiu ĉiutage aperis nova sonartikolo. Tio estas vere unika kaj senprecedenca en ĝia formo de konekto inter parolo kaj skribo.

Mia intenco pri la Retradio estas tute klara: Mi volas levi la parolnivelon de la homoj kiuj ŝatas komuniki per Esperanto. Okaze de la duonjara jubileo post kelkaj tagoj aperos sonartikolo kun la titolo "Perspektivoj" en kiu mi priparolas ĝuste tiun punkton.

Se vi atente aŭskultas kaj legas, vi trovos multajn sonartikolojn en kiuj mi prezentas miajn ideojn pri la lingvo. Nia lingvo en la nuna situacio ne jam estas amastaŭga, ne pro lingvistikaj kaŭzoj sed pro socilingvaj kaŭzoj. Kiel ne eblas konstrui domon komencante per la tegmento, tiel ne eblas enkonduki Esperanton nun al vastaj popolamasoj, sed ni bezonas unue homojn kiuj regas la lingvon tre bone kaj tio signifas ke ili parolu la lingvon tre bone. Akiri tiun kapablon eblas nur per multe da aŭskultado de bona kaj bela lingvo. Kaj disponigi la necesan sonmaterialon ĉiutage, tio estas la tasko de la Esperanta Retradio.

Kaj mi estas tre kontenta ke mi jam ne estas sola. Mi havas dukunbatalantojn kiuj liveras al mi pretajn sonartikolojn. Unu estas d-ro Paŭlo Sérgio Viana el Brazilo kaj la alia estas Andreo Bach el Pollando. Jam ankaŭ parolis la germano Lu Wunsch-Rolshoven kaj la francino Mireille Corobu en la Retradio. Mi esperas ke aldoniĝos novaj parolantoj en la Retradio kiuj tiel plivastigos ĝian voĉan bazon.

La Esperanta Retradio estas pure privata afero, ĝi ne estas ligita al iu ajn Esperanto-asocio. La programoj plaĉu al la geaŭskultantoj kaj la aŭskultantaro kresku pro la allogado de novaj homoj al Esperanto. La Retradio evoluigas sian propran stilon tute sendepende de iuj movadaj tradicioj. Kaj mi estas certa ke la Retradio sukcese daŭrigos sian agadon.

***Anton Oberndorfer***

Esperanta Retradio aŭdeblas kaj legeblas ĉe: http://members.aon.at/aldone/retradio/

# UNUA ESPERANTA KINOFESTIVALO

Por unua fojo en Esperantujo, ĉi-jare okazis kinofestivalo sine de la grandaj someraj brazilaj kongresoj (TAKE, BKE, BEJK), inter la 10a kaj 13a de julio en San-Paŭlo. La iniciatinto estis **Aleksander Osincev**, kreinto de la *Verda Filmejo*[1] kaj




kunordiganto de *Filmoj sen Limoj*[2], retejo kies ĉefa aktivaĵo estis ĝuste tiu ĉi kinofestivalo.

La kinofestivalo havis konkursan kaj nekonkursan programojn. En la nekonkursa programo oni montris plurajn novajn filmetojn kie Esperanto havas rolon. Entute, temis pri 15 filmoj el 7 landoj. Dum 3 tagoj oni ĝuis plej freŝajn filmojn, kiuj aperis en Esperantujo kaj ekster ĝi. En tiu parto partoprenis filmoj pri Esperanto per okuloj de eksteraj filmoproduktantoj: *The Universal Language* de **Sam Green** (Usono) kaj *Esperanto* de **Dominique Gautier** (Francio) kiel malferma kaj ferma filmoj. En la programo de mallongaj filmoj estis prezentitaj la filmoj *Conlang: the movie* de **Marta Masferrer** (Usono), *Senmova* de **Tuğçe Madayanti Sen** (Turkio), *Que sera, sera* de **Geir Greni** (Norvegio), kaj la originala animacia filmo *Ĉapeloj* de **Simmon Keith Barney** (Usono). **Rogener Pavinski** prezentis sian novan dokumentan filmon *Polaj Spuroj*, kiu kune kun la filmo *Vojaĝo en Palestino* formis programon de dokumentaj filmoj pri naciaj temoj. Grandan atenton ricevis la programo de artaj filmoj kun *Atako de lunaj zombioj* de **Christopher R. Mihm** (Usono) kun dublado en Esperanto, kolekto de mallongaj filmoj de la germana komencanta reĝisoro **Martin Schreier** kaj la danca filmo *The Cost of Living* (La kosto de vivado) de **Lloyd Newson** (Britio).

Dum la tuta festivalo funkciis fotografia ekspozicio pri la temo **Kio estas libero?**, kunordigata de **Rafael Henrique Zerbetto**. Du fotistoj el Brazilo (**Rafael Zerbetto** kaj **Milene**




Reklam-afiŝo de la filmeto "Senmova"



*"Aleks kaj Rogener". A. Osintsev (maldekstre) transdonas la premion al R. Pavinski kiel venkinto en la kategorio "5-sekunda"*

**Rinaldi**) kaj unu fotisto el Meksiko, **Joaquin Vega Acosta**, prezentis siajn verkojn.

Krom distrajn programerojn la partoprenantoj de la kinofestivalo povis viziti kadre de la programoj de TAKE kaj BEJK prezenton de Verda Filmejo, metiejon pri subtekstigado, prelegon pri problemoj de kopirajto kaj libera kulturo kaj la interagan metiejon Esperanta kinarto. La plej kreema arto.

## Konkursa programo

Sed unu el plej grava aktivaĵo de la kinofestivalo okazadis dum pluraj semajnoj antaŭ la saopaŭla prezento; temas pri kino-konkurso kiun ĉiuj esperantistoj rajtis partopreni.

La konkurso akceptis filmetojn laŭ tri kategorioj: 5-sekundaj, 15-sekundaj kaj 30-sekundaj. Entute partoprenis 21 videojn el 13 landoj. Por aljuĝi la premiojn stariĝis internacia ĵurio: **Manolo Pancorbo** (Hispanio), **Floréal Martorell** (Francio), **Anatolij Krasnokutskij** (Rusio), **Chuck Smith** (Germanio-Usono), **Eric Languillat** (Francio-Germanio), kiuj elektis la tri plej bonajn filmojn de ĉiu kategorio. La verdikto de la ĵurio estis anoncita dum la solena fermo de la saopaŭla kinofestivalo. La gajnintoj, laŭkategorie, estas [3]:

- Kategorio 5-sekundoj: 5 sekundoj en la lito de **Rogener Pavinski** (Brazilo)
- Kategorio 15-sekundoj: eK! de **Luana Araujo** (Brazilo)
- Kategorio 30-sekundoj: La Atako de la Leviatanoj de **Carlos Devizia** (Argentino)

Estas menciinde, ke la 2an lokon en la kategorio "30-sekundoj" atingis la filmo *Elreviĝo kaj konsolo* de la kuba samideano **Andy Hernandez Martínez** nuntempe loĝanta en Hispanio.

***Raportas: Aleksander Osintsev kaj Manuel Pancorbo***

1. http://filmoj.net
2. https://groups.google.com/group/filmoj-sen-limoj/
3. http://kinofestivalo.org/
4. Plena podio kun eblo spekti la filmojn: http://kinofestivalo.org/awards/

# IBERIAJ RENKONTIĜOJ

*Ĉu vi scias kio estas la Iberiaj Renkontiĝoj? Ĉu vi ŝatus koni kio okazis dum la pasinta? Ĉu vi volas koni la diversajn espertojn kiuj okazas tie? Jesús afable rakontas al ni pri lia esperto tie dum la pasinta IRo en Girona.*

*Kaj rememoru, la venonta okazos en Portugalio! (http://esperanto.pt/ir2012/)*

Plia fojo, estis en Katalunio nova okazigo de la, jam bone enradikita, Iberia Renkontiĝo. Ĉifoje, la loko elektita por okazigi tiun junularan eventon estis Sant Andreu Salou, apud la vilaĝeto Cassà de la Selva, en la komarko Gironès [Ĵirunes'], provinco Ĝirono.

La nemalhavebla kaj tute dankinda laboro de la homoj de KEA (Kataluna Esperanto-Asocio) igis tiun eventon sukcesega kaj tre amuziga. Al ĝi alvenis homoj el pluraj lokoj tra Eŭropo kiel Arpitanio kaj Okcitanio (Francio), Germanio, Estonio, Rusio, Japanio kaj el ceteraj lokoj en Hispanio krom Katalunio. Post la solena malfermo en la urbestrejo de Cassà, oni anoncis oficiale la prezidantiĝo je KEA de Carles Vela i Aulesa, anstataŭigante Llibert Puig i Gandia.

Dum la tuta evento, atingeblis tre bunta kaj utila libro-servo kie ankaŭ elstaris la disvendado da muzikaĵoj el la eldonejo Vinilkosmo, estis dancado, muzikludado de la popolmuzika grupo Kaj Tiel Plu, estis diskejo kun muzikludigado de japangermana DJ Leo Sakaguchi -ankaŭ partopreninta la eventon- kaj pluraj prelegoj kaj debatrondoj kie elstaris prezento pri Ido fare de idisto kaj esperantisto Anvarzhon Zhurajev, kiu ankaŭ partoprenis la eventon.

Dum la liberaj tempoj, estis pluraj internaciaj ludoj kaj neformalaj interbabiladoj kiuj multe riĉigis la etoson. Ankaŭ, dum la manĝadoj, oni multe ŝercis kaj amuzis.

Oni devas kore danki la laboremo kaj helpemo de Mª Dolors Godoy i Rotllens, tre agrabla homo, juna (je la koro) kiu multe agadis por la okazigo de tiu renkontiĝo en sia komarko.

***Redaktis Jesús García Cano,*** membro de HEJS kaj partopreninta la IRon'2011

# DETRUA FAJRO ĈE VINILKOSMO

En la nokto inter la 18-a kaj 19-a de septembro okazis granda incendio en la ejo de Vinilkosmo, la plej granda eldonejo kaj vendejo de Esperanto-muziko, situanta en Donneville apud Tuluzo en Francio. Estis detruita granda parto de la stoko de sondiskoj kaj la sonsistemo de Vinilkosmo. Laŭ unuaj informoj, la tuta neeldonita sonmaterialo de Vinilkosmo estis detruita.

La ĉefrespondeculo de Vinilkosmo, Floréal Martorell, rakontis pri la okazaĵo en retletero, publikigita lunde ĉe La Ondo de Esperanto:

*"La ekzercejo 7, kie ekzercis tri rokaj bandoj, kaj la stokejo de Vinilkosmo / EUROKKA (kie estis la sonsistemo, materialo por la studio, kaj la plej granda parto de la stoko de la K-diskoj de Vinilkosmo) estis detruitaj pro incendio".* ***Fonto: Libera Folio***

# UNUA JARCENTO DE ESPERANTO EN SEVILO KAJ 16-a ANDALUZIA KONGRESO DE ESPERANTO

De la 21-a ĝis la 23-a de OKTOBRO 2011

Andaluzia Esperanto Unuiĝo

www.andaluciaesperanto.blogspost.com